# PRÉFACE À LA SIXIÈME ÉDITION

Nous vous présentons la sixième édition du "Junul-Kurso" dont l'aspect modernisé rend encore plus attractif ce cours qui jouit toujours de la faveur des professeurs et des élèves de nombreux pays.

Cet ouvrage, abondamment illustré, s'adresse en particulier aux jeunes. Il a été réalisé bénévolement par un espérantiste actif et compétent qui tient à rester anonyme. Nous le remercions bien sincèrement pour sa contribution exemplaire à la diffusion de la langue universelle.

Le "Junul-Kurso" est suivi d'un précis grammatical en français traduit en espagnol, portugais, suédois, anglais, néerlandais et en italien.

Pour ceux qui étudient seuls ou par correspondance, un "supplément au Junul-Kurso" a été étudié en français.

Afin d'acquérir une prononciation parfaite de l'Espéranto, une cassette a été adaptée aux vingt leçons.

Tous ces compléments donnent à cette méthode directe d'étude de l'Espéranto une facilité d'emploi remarquable et la certitude, pour un minimum d'efforts, d'un apprentissage rapide, agréable et satisfaisant.

SAT-AMIKARO



# *ESPERANTO*

# JUNUL-KURSO

ILUSTRITA

## UNUA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

*— Unue vi donu nacilingvajn klarigojn pri prononcado kaj pri la lernotaj gramatikaĵoj, kompreneble nur pri tio entenita en la hodiaŭa leciono (vidu gramatikan parton ĉe la lastaj paĝoj de Junul-Kurso).*

*— Ek de tiu unua leciono vi tre atentu pri ĝusta kaj bona prononcado.*

*— La ĉi subajn vortajn vi legu laŭte kaj malrapide. Poste, unu post la alia, la lernantoj legu. Post plurfoja legado la lernantoj kaŝas la tekston kaj plurfoje rediras la nomon de ĉiuj bildaj parkere.*

*— Ankaŭ la frazojn de la dua paĝo vi unue, kaj la lernantoj poste, legu ĉiam laŭte, eĉ emfaze.*

*— Ĉe la tria paĝo komenciĝas la demandaro. Tiam vi laborigu la lernantojn ; unu demandas, alia respondas kaj inverse.* Tiu konsilo valoras por la tuta kurso.

*— Por granda lernantaro (dek lernantoj kaj pli) vi utiligu kolektivan lernadon kun grupoj ; grupo A demandas, grupo B respondas kaj inverse kaj vi mem demandu individue la plej lertajn.*

*— Por eduki la manon, la lernantoj povas ankaŭ skribi dum la parola ekzercado, ekz. : la respondojn ne troveblajn en la libro.*

*— Vi nepre postulu, por venonta leciono, la skribitajn taskojn farendajn ekster la kurso, dum la semajno (tradukaĵon vidu en gramatika parto.)*

---



Pomo



Piro



Ĉerizo



Floro



Azeno



Kato



Libro



Taso





la pomo la piro la ĉerizo

*La pomo ESTAS frukto*
*La piro estas frukto.*
*La ĉerizo estas frukto.*
*La pruno estas frukto.*

*La* pomo estas frukto, *ankaŭ* la piro.
*La* piro estas frukto, *ankaŭ* la ĉerizo.
*La* pruno estas frukto, *ankaŭ* la piro.





la hundo la kato la ĉevalo

*La ĉevalo estas besto.*
*La kato estas besto.*
*La hundo estas besto.*
*La azeno estas besto.*

La hundo estas besto, ankaŭ la kato.
La kato estas besto, ankaŭ la ĉevalo.
La ĉevalo estas besto, ankaŭ la azeno.





la forno la tablo la seĝo

*La forno estas meblo.*
*La tablo estas meblo.*
*La seĝo estas meblo.*
*La benko estas meblo.*

La forno estas meblo, ankaŭ la tablo.
La tablo estas meblo, ankaŭ la seĝo.
La seĝo estas meblo, ankaŭ la benko.





la sinjoro la sinjorino

la knabo la knabino

*La knabo estas homo.*
*La knabINO estas homo*
*La sinjorino estas homo*
*La sinjoro estas homo.*

La knabo estas homo, ankaŭ la sinjorino.
La knabino estas homo, ankaŭ la knabo.
La sinjoro estas homo, ankaŭ la knabo.

DEMANDOJ — RESPONDOJ

# ĈU ?

*Ĉu pomo estas frukto ?* — *Jes,* pomo estas frukto.
*Ĉu kato estas besto ?* — Jes, kato estas besto.
*Ĉu tablo estas meblo ?* — Jes, tablo estas meblo.
*Ĉu knabo estas homo ?* — Jes, knabo estas homo.
*Ĉu pomo estas meblo ?* — *Ne,* pomo ne estas meblo.
*Ĉu seĝo estas besto ?* — Ne, seĝo ne estas besto.

*Ĉu knabo estas homo ?* — Jes, ........................
*Ĉu forno estas meblo ?* — Jes, ........................
*Ĉu piro estas meblo ?* — Ne, ........................
*Ĉu piro estas frukto ?* — Jes, ........................
*Ĉu azeno estas besto ?* — Jes, ........................
*Ĉu hundo estas frukto ?* — Ne, ........................
*Ĉu ĉevalo estas besto ?* — Jes, ........................



*La kato estas SUR la hundo.*

*La hundo estas sur la seĝo.*

*La seĝo estas sur la tablo.*

*Ankaŭ la libro estas sur la tablo.*

*Ĉu la hundo estas sur la seĝo ?* — **Jes,** ......
*Ĉu la libro estas sur la tablo ?* — **Jes,** ......
*Ĉu ankaŭ la seĝo estas sur la tablo?* — **Jes,** ......
*Ĉu la kato estas sur la tablo ?* — **Ne,** ......
*Ĉu la tablo estas sur la seĝo ?* — **Ne,** ......
*Ĉu la hundo estas sur la kato ?* — **Ne,** ......
*Ĉu la tablo estas sur la planko ?* — **Jes,** ......
*Ĉu ankaŭ la seĝo estas sur la planko ?* — **Ne,** ......

# KIO ?

*KIO estas sur la hundo ?* — La kato estas sur la hundo.
*Kio estas sur la tablo ?* — La libro, ankaŭ la seĝo estas sur la tablo.
*Kio estas sur la seĝo ?* — La hundo estas sur la seĝo.
*Kio estas sur la planko ?* — La tablo estas sur la planko.

*Kio estas tablo ?* — **Tablo estas meblo.**
*Kio estas seĝo ?* — **Seĝo estas meblo.**
*Kio estas hundo ?* — **Hundo estas besto.**
*Kio estas pomo ?* — **Pomo estas frukto.**
*Kio estas taso ?* — **Taso estas objekto.**
*Kio estas knabo ?* — **Knabo estas homo.**

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO




## BONAN VESPERON ! BONAN NOKTON ! ĜIS REVIDO !

La knabino estas Johanino.
Johanino estas knabino.
Johanino estas homo.

La knabo estas Karlo.
Karlo estas knabo.
Karlo estas homo.

*Ĉu Johanino estas knabino ?*
*Ĉu la kato estas sur la seĝo ?*
*Ĉu la hundo estas besto ?*
*Kio estas birdo ?*

*Ĉu Karlo estas homo ?*
*Ĉu la kato estas floro ?*
*Ĉu Karlo estas knabo ?*
*Kio estas muso ?*

*Kio estas tablo ?*
*Kio estas azeno ?*
*Kio estas Johanino ?*
*Ĉu muso estas besto ?*

*Kio estas hundo ?*
*Kio estas pruno ?*
*Kio estas la sinjoro ?*
*Ĉu sinjoro estas homo ?*

*Ĉu Johanino estas homo ?*
*Ĉu seĝo estas besto ?*
*Ĉu muso estas meblo ?*
*Kio estas ĉerizo ?*

*Ĉu pruno estas frukto ?*
*Ĉu birdo estas meblo ?*
*Ĉu forno estas besto ?*
*Kio estas Karlo ?*

*Ĝis revido ... Ĝis la dua leciono !*

# *ESPERANTO*

## DUA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj



*Fiera mieno,*
*kapo malplena.*

*Vi donu klarigojn nacilingve pri la gramatikaĵoj de la leciono.*

*Same kiel dum la unua leciono, la gelernantoj legu kaj lernu individue la ĉi subajn novajn vortojn, post rapida revizio de la vortoj en la unua leciono.*

*Por la legado de la tekstoj, kiuj akompanas la ceterajn bildojn, sur paĝoj 6, 7, 8, la gelernantoj kaŝu sub papero la demandaron (dekstre de la paĝoj). Nur post plurfoja legado de tiuj tekstoj, vi utiligu la demandaron.* Tiuj konsiloj valoras por la tuta kurso. *Dum ĉiuj lecionoj ankaŭ, se vi konstatas, ke la gelernantoj mem ne komprenis ian lernitan gramatikaĵon, vi ĉesigu la parolan ekzercadon kaj donu nacilingvajn klarigojn.*

*En grandaj kursoj (pli ol dek lernantoj) vi iom post iom enkonduku individuan demandon por la plej lertaj.*

*La korektitajn skribitajn taskojn (tradukaĵo de la nacilingvaj tekstoj farendaj post ĉiu leciono ekster la kurso) vi redonos nur ĉe la fino de ĉiu leciono. Tiam vi donos klarigojn nacilingve pri la gramatikaj eraroj, kiujn vi trovis en la taskoj.*



botelo



poto



glaso



elefanto



tulipo



telero



muso



muŝo





*bona* *malbona* *ruĝa*

La piro estas bon*a* frukto.
La pomo estas *malbona* frukto.
La ĉerizo estas ruĝ*a* frukto.

*Ĉu la pomo estas bonA ?*

*Ĉu la ĉerizo estas ruĝa ?*

*Ĉu la vermo estas EN la malbona pomo ?*

*Ĉu la vermo estas granda besto ?*

*Ĉu la botelo estas plena ?*

*Ĉu la tulipo estas bela floro ?*

*Kio estas en la malbona pomo ?*




*plena* *malplena*

La glaso estas plen*a*.
La poto estas malplen*a*.
La glaso staras, la poto kuŝas.

*Ĉu la glaso estas plena ?*

*Ĉu la poto estas malplena ?*

*Ĉu la vino estas en la glaso ?*

*Ĉu la vino estas ruĝa ?*

*Ĉu la telero estas plena ?*

*Ĉu piro estas bona frukto ?*

*Kio estas en la glaso ?*




*granda* *malgranda*

La elefanto estas granda besto.
La muso estas malgranda besto.
Elefanto estas granda *sed* muso estas malgranda.

*Ĉu elefanto estas granda besto ?*

*Ĉu muso estas malgranda besto ?*

*Ĉu ankaŭ muŝo estas malgranda besto ?*

*Ĉu elefanto estas malgranda besto ?*

*Ĉu muso estas granda besto ?*

*Kio estas tulipo ?*

**KIA ?**

| DEMANDOJ | RESPONDOJ |
|---|---|
| *KiA estas la kato ?* | La kato estas ruz*a*. |
| *KiA estas la hundo ?* | La hundo estas fidel*a*. |
| *KiA estas la ĉevalo ?* | La ĉevalo estas fort*a*. |
| *KiA estas la floro ?* | La floro estas bel*a*. |
| *Kia estas la piro ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |
| *Kia estas la ĉerizo ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |
| *Kia estas la poto ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |
| *Kia estas la muso ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |
| *Kia estas la glaso ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |
| *Kia estas la elefanto ?* | . . . . . . . . . . . . . . . . . . |




*Ĉu la knabo ridAS?*

*Ĉu ankaŭ la knabino ridas?*

*Ĉu la sinjorino ridas?*

*Ĉu la knabo KAJ la knabino ridas?*

*Ĉu la sinjorino kaj la knabo ploras?*

La knabo rid*as*, ankaŭ la knabino.
La knabo *kaj* la knabino rid*as*.
La sinjorino ploras sed la knabo ridas.







*Ĉu la kato manĝas?*

*Ĉu la knabino legas?*

*Ĉu la ruza kato manĝas?*

*Ĉu la bela knabino legas?*

*Ĉu la knabino kaj la kato manĝas?*

La kato manĝ*as*. La knabino leg*as*.
La ruza kato manĝas.
La bela knabino legas.




*Ĉu la sinjorino legas?*

*Ĉu la knabo manĝas?*

*Ĉu la sinjoro kuŝas?*

*Ĉu la knabo sidas?*

*Ĉu la glaso staras?*

*Ĉu ankaŭ la botelo staras?*

*Ĉu la poto kuŝas?*

*Ĉu la sinjorino dormas?*

*Ĉu la knabo laboras?*

*Ĉu la knabo estas Karlo?*

*Ĉu Karlo kaj la sinjoro skribas?*

*Ĉu la sinjoro kuŝas EN lito?*

*Ĉu lito estas meblo?*

*Ĉu Karlo skribas sur papero?*

*Ĉu Karlo sidas sur seĝo?*

*Ĉu la sinjorino dormas en lito?*

*Ĉu la papero estas sur la tablo?*

*Ĉu la sinjoro skribas en la lito?*

La sinjoro dormas, ankaŭ la sinjorino.
La sinjoro kaj la sinjorino dormas.
La knabo laboras. La knabo estas Karlo.
Karlo skribas sed la sinjoro dormas.
La sinjorino kuŝas *en* la lito.
La lito estas meblo.
Karlo skribas sur papero.
Karlo sidas sur seĝo.
La sinjorino dormas en la lito.
Karlo ne dormas en la lito sed skribas sur la papero.

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)







La dika sinjoro parolas.
La policisto staras.
Johanino kaj la hundo kuras.
La sako *de* Karlo estas peza.
La pasporto estas en la mano de la sinjoro.

*Ĉu la sinjoro parolas ?*
*Ĉu la policisto staras ?*
*Ĉu la hundo kuras ?*
*Kio estas en la mano de la sinjoro ?*
*Kia estas la sinjoro ?*
*Kia estas la sako de Karlo ?*
*Ĉu Johanino kuras ?*
*Ĉu ankaŭ Karlo kuras ?*

Karlo kaj Johanino marŝas.
La knabino estas ĝoja.
La birdo kantas sed la hundo soifas.
En la mano de Johanino estas bela tulipo.
Karlo muzikas.

*Ĉu la knabo kaj la knabino marŝas ?*
*Ĉu la knabino estas ĝoja ?*
*Ĉu la birdo kantas ?*
*Kio estas en la mano de Johanino ?*
*Kia estas la tulipo ?*
*Kia estas la knabino ?*
*Ĉu la hundo soifas ?*
*Ĉu Karlo muzikas ?*

---

*Ĉu la sinjoro staras ?*
*Ĉu la hundo ankaŭ staras ?*
*Ĉu ankaŭ Karlo parolas ?*
*Ĉu la sako estas peza ?*
*Ĉu Karlo staras ?*
*Ĉu la policisto ankaŭ parolas ?*
*Ĉu la hundo estas en la sako ?*

*Ĉu la tulipo estas bela ?*
*Ĉu la birdo estas ĝoja ?*
*Ĉu ankaŭ la hundo estas ĝoja ?*
*Ĉu la birdo staras ?*
*Kio estas tulipo ?*
*Kia estas la tulipo ?*
*Kio estas bela ?*

---

*Bonan nokton ! ... Ĝis la tria leciono !*




# *ESPERANTO*

## TRIA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Sama metodo : komuna legado kaj demandoj, respondoj de la lernantoj.*

*Vi povas ankaŭ utiligi la bildojn de la antaŭaj lecionoj ; vi speciale nepre tion faru por « KIU », sur la dua paĝo de tiu ĉi leciono.*

*Vi neniam daŭrigu la pure parolan ekzercadon se vi konstatas, ke la gelernantoj ne komprenis ; tiam vi nepre aldonu nacilingvajn gramatikajn klarigojn. Se la gelernantoj ne trovas mem la signifon de kelkaj novaj vortoj (adjektivoj kaj verboj) bonvolu ilin helpi se eble per desegno aŭ mimiko.*

*Por la lernado de la pronomoj, la lernantoj demandu sinsekve unu al alia : ĉu mi estas... Karlo, Petro, k.t.p. ? — ĉu vi estas....? Tiu ekzercado estas ĉiam tre alloga por la gejunuloj.*

*Rimarku specialan aranĝon pri « NI », 11-a paĝo.*

*Kontraŭ doloro*
*Helpas bona humoro.*



























*Ĉu karoto estas floro AŬ frukto?* — Karoto estas *nek* floro *nek* frukto sed legomo.
*Ĉu porko estas bela AŬ fidela besto?* — Porko estas *nek* bela *nek* fidela sed grasa besto.
*Ĉu la ŝafo dormas aŭ manĝas?* — La ŝafo nek dormas nek manĝas sed staras.
Ĉu *la ĉerizo estas verda aŭ blanka?* — La ĉerizo estas nek verda nek blanka sed ruĝa.



unu pomo du ĉerizoj tri piroj

Unu bona pomo.
Du ruĝ*aj* ĉerizo*j* estas en la glaso.
Tri bon*aj* piro*j* estas en la telero.

*Ĉu la pomo estas bona?*
*Kia estas la pomo?*
*Ĉu la ĉerizOJ estas ruĝAJ?*
*KiAJ estas la ĉerizoj?*
*Ĉu tri piroj estas en la telero?*
*Kiaj estas la piroj?*
*Kio estas en la glaso?*
*Kio estas en la telero?*



unu porko du kokinoj tri musoj

Unu dika porko staras.
Du blankaj kokinoj manĝas.
Tri malgrandaj musoj kuras.

*Ĉu la dika porko staras?*
*Kia estas la porko?*
*Ĉu la kokinoj estas blankaj?*
*Kiaj estas la kokinoj?*
*Kiaj estas la musoj?*
*Kio estas kokinoj?*
*Ĉu ankaŭ musoj estas bestoj?*
*Ĉu la malgrandaj musoj kuras?*

---

# KIU ?




*Kiu ploras?* — La sinjorino ploras.
*Kiu legas?* — La knabino legas.
*Kiu manĝas?* — La kato manĝas.
*Kiu sidas kaj skribas?* — Karlo sidas kaj skribas.
*Kiuj ridas?* — La knabo kaj la knabino ridas.
*Kiuj dormas kaj ripozas?* — La sinjoro kaj la sinjorino dormas kaj ripozas.
*Ĉu Karlo parolas?* — Jes, Karlo parolas.
*Ĉu Karlo diras MI?* — Jes, Karlo diras *mi*.
*Kiu parolas?* — Karlo parolas.




*Kiu parolas?* — La instruanto parolas (vi).

*Kiu lernas?* — La lernanto lernas (mi).

Karlo parolas, Karlo demandas : *Ĉu vi estas lernanto?*

Vi respondas : *Jes, mi estas...*




Li estas Karlo, li marŝas.
Ŝi estas Johanino, ŝi marŝas.
Li estas knabo, li muzikas.
Ŝi estas knabino, ŝi ridas.

*Ĉu li marŝas?* — Jes, ............
*Ĉu ankaŭ ŝi marŝas?* — Jes, ............
*Ĉu li kaj ŝi marŝas?* — Jes, ............
*Ĉu li muzikas?* — Jes, ............
*Ĉu li estas knabo?* — Jes, ............
*Kiu li estas?* — ...... Karlo.
*Kiu ŝi estas?* — ...... Johanino.
*Kiu muzikas?* — Li (Karlo) ......
*Kiuj marŝas?* — Li kaj ŝi ........




Ni

Karlo kaj Johanino demandas
*Ĉu ni ridas?* — Jes, vi .....
*Ĉu ni estas geknaboj?* — Jes, vi .....
*Kiuj ni estas?* — Vi estas ...
*Ĉu ni estas belaj?* — Jes, vi .....

Ni estas knabo kaj knabino.
Ni estas *ge*knaboj.
Ni estas sinjoro kaj sinjorino.
Ni estas gesinjoroj.
La geknaboj ridas.
La geknaboj estas junaj.
La gesinjoroj estas maljunaj kaj ne ridas.
La geknaboj estas Karlo kaj Johanino.
La gesinjoroj estas malbelaj sed la geknaboj estas belaj.

La gesinjoroj demandas
*Ĉu ni ridas?* — Ne, vi .....
*Ĉu ni estas junaj?* — Ne, vi .....

La gelernantoj demandas
*Ĉu ni lernas?* — Jes, vi .......
*Ĉu ni estas junaj?* — Jes, vi .......
*Ĉu ni ridas?* — Jes, vi .......
*Ĉu ni staras?* — Ne, vi ne.. *sed*
*Ĉu ni sidas?* — Jes, vi .......

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)





*En Amsterdamo.* — La geknaboj promenas. Amsterdamo estas granda urbo. La homoj estas afablaj. Knabo salutas en Esperanto. Karlo kaj Johanino respondas ankaŭ en Esperanto. La knabo estas Niko, li estas afabla. En Amsterdamo estas larĝaj kanaloj.

*En Amslerdama familio.* — La geknaboj estas en la familio de Niko. La gepatroj de Niko estas afablaj. Karlo parolas, li rakontas, li respondas. Ankaŭ Johanino parolas, ŝi demandas. Teo estas en la tasoj. Blanka pano, ovoj kaj porka viando estas sur la tablo.

*Ĉu la geknaboj estas en Amsterdamo?*
*Ĉu Amsterdamo estas granda urbo?*
*Kiu estas la afabla knabo?*
*Kia estas Niko?*
*Kiu salutas en Esperanto?*
*Kiuj respondas?*
*Ĉu la geknaboj staras?*
*Kiaj eslas la kanaloj?*
*Ĉu la tri geknaboj ridas?*
*Kiaj estas la homoj en Amsterdamo?*

*Ĉu la geknaboj estas en familio?*
*Kiaj estas la gepatroj de Niko?*
*Kiu parolas, rakonlas kaj respondas?*
*Kio estas sur la tablo?*
*Kia estas la pano?*
*Kio eslas en la tasoj?*
*Ĉu la tasoj estas plenaj?*
*Kiuj sidas?*
*Kiu staras?*

---

*Kio eslas knabino?*
*Kiu eslas la knabino?*
*Kio eslas la knaboj?*
*Kiuj eslas la knaboj?*
*Kio eslas en Amsterdamo?*
*Ĉu la kanaloj eslas mallarĝaj?*

*Kiu demandas?*
*Ĉu la lasoj staras sur la tablo?*
*Kiaj estas la lasoj?*
*Ĉu Niko marŝas aŭ kuras?*
*Ĉu la teo estas varma?*
*Ĉu la pano estas blanka aŭ nigra?*

# *ESPERANTO*

## KVARA LECIONO




### Konsiloj al kursgvidantoj

*Sama metodo. Legado kaj demandoj aŭ respondoj. La konsiloj de la lasta leciono valoras ankaŭ por tiu ĉi. Vi utiligu la bildojn de la paĝo* 10-*a (tria leciono) por la ekzercado pri « kiom da ».*

*Post tiu leciono la gelernantoj devas ankaŭ kalkuli de unu ĝis dek. Post kolektiva legado (plurfoje) de la dek unuaj nombroj la lernantoj devas kapabli rekomenci la ekzercadon sen la teksto per fingroj (plurfoje).*

*Atentu : De nun, en la frazoj troviĝos novaj vortoj, kies signifo ne estas montrita per la bildoj. Se la lernantoj ne trovas la signifon aŭ tradukon, vi helpu ilin.* Tiu konsilo valoras por ĉiuj sekvontaj lecionoj.

*Ĉe la fino de tiu leciono vi diktu la ĉi suban tekston. La gelernantoj lernu parkere tiun tekston por kanti venontan fojon :*

*« Mi estas muzikanto el bela ĉarma lando.*
*Mi povas ludi per violono. »*

*Kritiki estas facile,*
*Fari malfacile.*


























rapide



malrapide

La leporo kuras rapide.
La testudo iras malrapide.



malbele



bele

La anaso blekas malbele.
La birdo kantas bele.
La anaso flugas malbone.
La birdo flugas bone kaj rapide.

*Ĉu la leporo kuras rapide ?*
*Ĉu la testudo iras malrapide ?*
*Ĉu ankaŭ la heliko iras malrapide ?*
*Ĉu la muzikisto muzikas bele ?*

*Ĉu vi parolas laŭte ?*
*Ĉu vi skribas bele ?*
*Ĉu vi kuras rapide ?*
*Ĉu vi naĝas bone ?*

*Ĉu la anaso blekas malbele ?*
*Ĉu la birdo kantas bele ?*
*Ĉu la anaso flugas malbone ?*
*Ĉu la birdo flugas bone kaj rapide ?*

*Ĉu vi kantas bele ?*
*Ĉu vi lernas kuraĝe ?*
*Ĉu vi respondas kuraĝe ?*
*Ĉu vi biciklas bone ?*

*Kiu flugas rapide ?*
*Kiu blekas malbele ?*
*Kiu iras malrapide ?*

## KIEL ?

*Kiel kuras la leporo ?* — La leporo kuras rapide.
*Kiel kantas la birdo ?* — . . . . . . . . . . . . . . bele.
*Kiel iras la testudo ?* — . . . . . . . . . . . . . . malrapide.
*Kiel flugas la anaso ?* — . . . . . . . . . . . . . . malbone.
*Kiel blekas la anaso ?* — . . . . . . . . . . . . . . malbele.
*Kiel marŝas la anasoj ?* — . . . . . . . . . . . . . . malrapide.
*Kiel kuras la leporoj ?* — . . . . . . . . . . . . . . rapide.
*Kiel flugas la birdoj ?* — . . . . . . . . . . . . . . rapide.
*Kiel vi lernas ?* — . . . . . . . . . . . . . . kuraĝe.
*Kiel vi parolas en Esperanto ?* — . . . . . . . . . . . . . . laŭte.

unu ★     dek ★★★★★★★★★★

| 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
|---|---|---|---|---|---|
| Unu | du | tri | kvar | kvin | ses |
| 7 | 8 | 9 | 10 | 100 | 1000 |
| sep | ok | naŭ | dek | cent | mil |

*Ĉu unu kaj du estas tri ?* — Jes, . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Ĉu du kaj tri estas kvin ?* — Jes, . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Ĉu tri kaj kvar estas ses ?* — Ne, . . . . . . . . sed . . . . . . . . . . .
*Ĉu kvin kaj kvin estas naŭ ?* — Ne, . . . . . . . . sed . . . . . . . . . . .
*Kiom estas kvar kaj ses steloj ?* — . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Kiom estas sep kaj tri steloj ?* — . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Kiom estas ok kaj du steloj ?* — . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Kiom estas naŭ kaj unu steloj ?* — . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

# KIOM DA ?



Du ŝafoj manĝas.
Unu ŝafido manĝas.
Multaj steloj brilas en la ĉielo.
Unu luno brilas en la ĉielo.

*Kiom da ŝafoj manĝas?* — Du ŝafoj...
*Kiom da steloj brilas en la ĉielo?* — Multaj...
*Kiom da ŝafidoj manĝas?* — Nur unu...
*Kiom da musoj kuras?* — Tri musoj...
*Kiom da kokinoj manĝas?* — ........
*Kiom da ĉerizoj estas en la glaso?* — ........
*Kiom da piroj estas en la telero?* — ........
*Kiom da bestoj manĝas kaj kuras?* — ........
*Kiom da fruktoj estas en la glaso kaj en la telero?* — ........

---



biciklanto amatoro



biciklisto profesiulo

Karlo estas biciklanto.
La biciklisto iras rapide.
Karlo biciklas malrapide, li estas amatoro.

*Ĉu Karlo biciklas?* — Jes, ....
*Ĉu Karlo estas biciklanto?* — Jes, ....
*Ĉu Karlo estas amatoro?* — Jes, ....
*Ĉu la biciklisto estas profesiulo?* — Jes, ....
*Kiu estas la biciklanto?* — ........
*Kio estas biciklisto?* — ........
*Kio estas Karlo?* — ........
*Kiel biciklas Karlo?* — ........
*Kiel iras la biciklisto?* — ........

---




instruisto



lernantoj

La instruisto demandas.
La ler*nanto* respondas.
La instruisto pacience instruas.
La lernanto kuraĝe respondas.

*Kiu demandas kaj instruas?* — ........
*Kiu respondas kaj lernas?* — ........
*Kiom da lernantoj sidas?* — Multaj...
*Kiom da lernantoj staras?* — Nur unu...
*Ĉu la lernantoj lernas?* — Jes, .....
*Ĉu la instruisto demandas?* — Jes, .....
*Kio estas en la mano de la instruisto?* — ........
*Kio estas sur la nigra tabulo?* — ........
*Kiel la instruisto instruas?* — ........
*Kiel la lernantoj respondas?* — ........
*Kia estas la tabulo?* — ........
*Kia estas la lernanto?* — ........

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)





*Ekskurso al la insulo Marken*

Karlo, Johanino kaj Niko ekskursas.
Karlo fotas, la hundo fiere sidas.
Du infanoj pacience atendas.
La kostumoj estas belaj.
La geknaboj estas kontentaj.

La geknaboj estas sur la ŝipo.
La ŝipo estas granda.
La bona amiko Niko adiaŭas.
Li salutas sed ne ploras.
Karlo kaj Johanino ankaŭ amike salutas :
— « Ĝis revido ! » — « Ni dankas ».

---

*Ĉu Marken estas granda insulo ?*
*Kiu sidas ?*
*Kiuj staras ?*
*Kiaj estas la kostumoj?*
*Kiu fotas ?*
*Kiuj ekskursas ?*
*Kiel sidas la hundo ?*
*Kiom da infanoj pacience atendas ?*

*Ĉu la ŝipo estas sur la maro ?*
*Kio estas sur la maro ?*
*Kia estas la ŝipo ?*
*Kiuj estas sur la ŝipo ?*
*Kiu adiaŭas sed ne ploras ?*
*Kiuj amike salutas ?*
*Kiel la geknaboj salutas ?*
*Kiom da ŝipoj estas sur la maro ?*

---

*Kiom da hundoj sidas ?*
*Ĉu Karlo fotas ?*
*Kiel atendas la infanoj ?*
*Ĉu la kostumoj estas belaj ?*
*Kiaj estas la geknaboj ?*
*Kio estas infanoj ?*
*Kiom da steletoj estas sur la kostumoj de la geknaboj ?*

*Kiuj dankas kaj salutas ?*
*Ĉu la geknaboj staras sur ŝipo ?*
*Ĉu Niko ankaŭ staras ?*
*Ĉu li ankaŭ salutas ?*
*Ĉu Johanino diras « Mi dankas » ?*
*Ĉu la hundo estas ankaŭ sur la ŝipo ?*
*Ĉu Karlo diras « ĝis revido » ?*

# *ESPERANTO*

## KVINA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj




*Printempo semas,*
*Aŭtuno rikoltas.*

*En multopaj kursoj vi iom post iom forlasu kolektivan legadon ; la lernantoj alkutimiĝu pli kaj pli al individua laboro.*

*Sama metodo : demando kaj respondo. La lernantoj certe jam alkutimiĝis al tiu ludo, vi tre atentu pri ĝusta kaj bona prononcado. Nacilingvajn klarigojn vi donu antaŭ kaj post la ekzercado, vi evitu interrompi la demandadon nacilingve. Konsilojn vi povas doni ankaŭ en Esperanto : Pli forte ! — Atentu la akcenton ! — Ankoraŭ foje ! — Pli kuraĝe ! ktp.*

*Nacilingve, vi donu klarigojn pri « ejo », ĝia signifo (dormejo, dormoĉambro) kaj pri formoj de sinsekvantaj verboj (-as -i).*

*Ĉe la fino de tiu ĉi leciono vi kantigu la lernantaron. La kanteto « La muzikanto » estos pli amuza, se la kantantoj imitas per gestoj por akompani la bruadon. Vi mem gvidu aŭ, se vi preferas, vi elektu lertulon el la gelernantoj. La gvidanto sola : « mi estas muzikanto el bela ĉarma lando » ; ĉiuj ĥore rekantas : « vi estas muzikanto... ». Denove la gvidanto sola : « mi povas ludi » ; ĉiuj ĥore : « vi povas ludi » gvidanto : « per violono » ; ĉiuj ĥore : « per violono » ; La gvidanto kun ĉiuj kaj gestoj por la rekantaĵo : « Flu, flu, flu... ». Post ĉiu rekantaĵo aldonu plian instrumenton ; ĉe la fino estos do kvin diversaj bruadoj kaj gestadoj.*

## ĈAMBRO




Ĉambro por manĝi estas *manĝo-ĉambro.*
Ĉambro por dormi estas *dormo-ĉambro.*




Ni ne vivas por manĝi.
Lerni, manĝi kaj dormi estas vivi.
Ni manĝas por vivi.

*Ĉu lerni, manĝi kaj dormi estas vivi?*
*Ĉu vi manĝas por vivi ?*
*Ĉu vi vivas por manĝi ?*
*Ĉu vi dormas por ripozi ?*
*Ĉu vi scias paroli en Esperanto ?*
*Ĉu vi scias demandi en Esperanto ?*

---




Ĝi estas malplena botelo, ĝi staras.
Ĝi estas ŝlosilo, ĝi estas granda.
Ĝi estas interesa libro, ĝi kuŝas.

*Ĉu ĝi estas botelo ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Ĉu ĝi staras ?*
*Ĉu ĝi estas ŝlosilo ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Ĉu ankaŭ ĝi staras ?*
*Ĉu ĝi estas libro ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Ĉu ĝi kuŝas ?*

*Ĉu ILI estas bestoj aŭ objektoj ?*
*Ĉu ILI staras aŭ kuŝas ?*
*Kio ili estas ?*

---




Ĝi estas bona frukto.
Ĝi estas ruĝa legomo.
Ĝi estas bonodora floro.

*Kio estas piro ?*
*Ĉu ĝi estas bona frukto ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Kio estas karoto ?*
*Ĉu ĝi estas ruĝa legomo ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Kio estas konvalo ?*
*Ĉu ĝi estas bonodora floro ?*
*Kia ĝi estas ?*

*Ĉu ili estas objektoj ?*
*Ĉu ili estas bestoj ?*
*Ĉu ili estas frukto, legomo kaj floro?*

---




Li estas bona knabo.
Ŝi estas bela knabino.
Ili estas geknaboj.
Ĝi estas bela tulipo.

*Ĉu li estas knabo ?*
*Kiu estas li ?*
*Ĉu ŝi estas knabino ?*
*Kiu ŝi estas ?*
*Ĉu ili estas geknaboj ?*
*Kiuj ili estas ?*
*Ĉu ĝi estas tulipo ?*
*Kio estas tulipo ?*
*Ĉu ili estas geknaboj kaj tulipo ?*
*Kiaj ili estas ?*







Ili lernas kuraĝe en lernejo.
Ili dormas bone en dormejo.

*Ĉu la gelernantoj lernas en lernEJO?*
*Ĉu ili dormas en dormEJO ?*
*Kiuj lernas en lernejo ?*
*Kiuj dormas en dormejo ?*
*Kiel ili lernas en lernejo ?*
*Kiel ili dormas en dormejo ?*
*Kio estas sur ta tabulo ?*

---







Ŝi afable vendas en malgranda vendejo.
Li naĝas rapide en naĝejo.

*Ĉu ŝi vendas en vendejo ?*
*Ĉu ti naĝas en naĝejo ?*
*Kiel ŝi vendas en vendejo ?*
*Kiel li naĝas en naĝejo ?*
*Ĉu ta vendejo estas granda ?*
*Kiom da knaboj estas en la naĝejo ?*

---





*Kio staras sur la seĝo ?*
*Kio estas en la poto ?*
*Kio staras sur la floro ?*
*Kiu frapas ? Kiu staras ?*
*Ĉu la poto falas ?*
*Ĉu ankaŭ la floroj falas ?*
*Ĉu la kato sidas sub la seĝo ?*
*Ĉu ĝi ankoraŭ frapas ?*
*Ĉu la seĝo ankoraŭ staras ?*

---

La bela papilio estas sur la floro.
La florpoto staras sur la seĝo.
La kato frapas; la poto falas, ankaŭ la floroj.
La florpoto ne plu staras sur la seĝo.
La papilio ne plu estas sur la floro, sed la seĝo ankoraŭ staras.
La kato sidas *sub* la seĝo.
La papilio estas sur la vosto de la kato.

*Kia estas la papilio ?*
*Kiom da floroj estas en la poto ?*
*Kiu sidas sub la seĝo ?*
*Kio ne plu staras sur la seĝo?*
*Ĉu la florpoto ankoraŭ staras ?*
*Ĉu la papilio ne plu estas sur la floro ?*

---

# KIE ?

*Kie estas la floroj ?*
*KIE staras la florpoto ?*
*Kie sidas la kato ?*
*Kie lernas la gelernantoj ?*
*Kie ili dormas ?*

— La florpoto staras sur la seĝo.
— La floroj estas en la poto.
— La kato sidas sub la seĝo.

*Kie naĝas la knabo ?*
*Kie ŝi vendas ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)




Per violono. Flu, flu, flu...
Per la trumpeto. Ta, ta, ta...
Per la piano. Pan, pan, pan...
Per la tamburo. Tam, tam, tam.
Per la gitaro. Bim, bim, bim...

Karlo kaj Johanino estas sur la ŝipo. Ili kantas gaje kaj legas en granda kajero. La maristoj sidas, ili fumas kaj muzikas. La muzikanto ridas kaj parolas, sed la fumanto silentas. Malgranda ŝipo estas ankaŭ sur la maro. En la mano de la fumanto estas granda pipo.

---

*Ĉu la geknaboj estas sur la ŝipo?*
*Ĉu ili gaje kantas?*
*Ĉu la maristoj sidas?*
*Ĉu ili fumas kaj muzikas?*

*Kiu sidas kaj fumas?*
*Kiu muzikas kaj ridas?*
*Kiuj estas gajaj?*
*Kiu estas muzikanto?*

---

*Kiu ridas kaj parolas?*
*Kiu silentas kaj fumas?*
*Kiom da maristoj sidas?*
*Ĉu la kajero estas granda?*

*Kiuj estas sur la ŝipo?*
*Kiuj legas en granda kajero?*
*Ĉu muziknotoj estas en la kajero?*
*Kiel kantas la geknaboj?*

---

*Ĉu Karlo fumas?*
*Ĉu Johanino legas?*
*Ĉu la kanto estas gaja?*
*Ĉu la pipo estas granda?*

*Ĉu la geknaboj legas en kajero?*
*Kio estas en la mano de la fumanto?*
*Kio estas ankaŭ sur la maro?*
*Kie estas la granda pipo?*




# *ESPERANTO*

## SESA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Post legado de lo ĉi suproj novaj vortoj la gelernontoj, individue, rediras ĉiujn vortojn montrante samtempe la nomoton korpoporton.*

*Poĝo 22-a : vi akcentu, ke en la legoĵaj eslns Karlo kaj Johonino, kiuj parolos. Por la unua demandaro eslos Karlo, kiu demandns, por lo dua Johanino demandas. Por lo ekzereado pri « kie » kaj « lie » la gelernantoj sinsekve demandos al nojbnro ; lo demnndita lernanto devos respondi koj montri per fingro.*

*Poĝo 23-o : vi ne pligrandigu la ekzereoron, posle ni relernos tiujn « kial » « ĉar », k.t.p.*

*Ĉe la fino vi eble povos denove kantigi « la muzikanton ».*

*Unu homaro,*
*Unu lingvo :*

*Esperanto.*



## KARLO DEMANDAS

*Kio estas tio ?* — Tio estas telero.
*Ĉu tio estas telero ?* — Jes, tio...
*Ĉu TIU telero estas malplena ?* — Jes, tiu...
*Ĉu tiu knabino estas Johanino ?* — Jes. ...
*Kiu estas tiu knabino ?* — Tiu knabino...
*Ĉu tiu knabino estas bela ?* — Jes, ...




Tio estas telero.
Tiu telero estas malplena.
Tio estas knabino.
Tiu knabino estas bona kamaradino.

## JOHANINO DEMANDAS

*Kio estas tio ?* — Tio estas tulipo.
*Ĉu tio estas floro ?* — Jes, ...
*Ĉu tiu tulipo estas bela ?* — Jes, ...
*Ĉu tio estas birdo ?* — Jes, ...
*Ĉu ŝi estas kantistino ?* — Jes, ...
*Kiu estas tiu kantistino ?* — Tiu...




Tio estas floro.
Tiu floro estas tulipo.
Tiu fraŭlino kantas.
Ankaŭ tiu birdo kantas.

*Ĉu tiu birdo kantas ?* — Jes, ...
*Ĉu ankaŭ tiu fraŭlino kantas ?* — Jes, ...
*Ĉu tiuj bele kantas ?* — Jes, tiuj...
*Ĉu ĝi kantas bele ?* — Jes, ...
*Ĉu ankaŭ ŝi kantas bele ?* — Jes, ...
*Ĉu ili kantas bele ?* — Jes, ...
*Ĉu tiu birdo flugas rapide ?*
*Ĉu tiu fraŭlino kantas kiel birdo ?*
*Ĉu tiu fraŭlino kantas kaj flugas ?*




Tiuj bele kantas.
Ŝi estas la kantistino Margarineto.
Ĝi kantas bele kaj flugas rapide.
Ankaŭ ŝi bele kantas sed ne flugas.
Ŝi kantas kiel birdo.
Ili bele kantas ; ili estas gajaj.

*Kie estas la nazo ?* — La nazo estas *tie.* (La lernanto montras.)
*Kie estas la buŝo ?* — La buŝo...
*Kie estas la haroj ?* — La haroj...
*Kie estas la vangoj ?* — La vangoj... tie kaj tie.
*Kie estas la oreloj ?* — La oreloj...

**KIE? TIE!**

*(demandi pri aliaj korpopartoj laŭ la tabelo de la 21-a paĝo)*

*Kie estas la fenestro ?* *Kie estas la lampo ?*
*Kie estas la pordo ?* *Kie estas la tablo ?*



Karlo iras *al* Amsterdamo.
Ankaŭ Johanino iras *al* Amsterdamo.
La sako estas *ĉe* la dorso de Karlo.
La bela tulipo estas *en* la mano de Johanino.
Karlo kaj Johanino sidas *ĉe* la tablo.
Ankaŭ Niko sidas ĉe la tablo.
Johanino sidas *inter* Karlo kaj la hundo.
La hundo estas ĉe la tablo inter Johanino kaj Niko.

*Ĉu la geknaboj iras al Amsterdamo?*
*Ĉu la sako estas ĉe la dorso de Karlo?*
*Ĉu la tulipo estas en la mano de Johanino?*
*Kia estas la tulipo?*
*Ĉu la geknaboj iras al la lernejo?*
*Kie estas la tulipo?*
*Kie estas la sako?*
*Ĉu la geknaboj sidas ĈE la tablo?*
*Ĉu ili sidas en la lernejo?*
*Ĉu la hundo estas inter Johanino kaj Niko?*
*Kie sidas Karlo?*
*Kie sidas Niko?*
*Kie sidas Johanino?*
*Kie estas la hundo?*

---



Johanino malsatas, ŝi manĝas por vivi.
Karlo soifas, li trinkas kaj li ridas.
Ŝi manĝas, *ĉar* ŝi malsatas.
Li trinkas *ĉar* li soifas.

*Ĉu Karlo trinkas?*
*Ĉu Johanino manĝas?*
*Ĉu ŝi malsatas?*
*Ĉu li soifas?*
*Ĉu Johanino manĝas por vivi?*
*Ĉu Karlo vivas por trinki?*
*Ĉu tiuj geknaboj manĝas kaj trinkas?*
*Ĉu ili soifas kaj malsatas?*

# KIAL?

*Kial Karlo trinkas?* — Karlo trinkas *ĉar* li soifas.
*Kial Johanino manĝas?* — ............ ĉar ŝi malsatas.
*Kial Karlo muzikas?* — ............ ĉar li estas gaja.
*Kial Johanino ridas?* — ............ ĉar ŝi estas gaja.
*Kial la sinjorino ploras?* — ........................ malgaja.
*Kial la sinjoro ripozas?* — ........................ laca.
*Kial la geknaboj kantas?* — ........................ gajaj.
*Kial Niko ne parolas?* — ........... ĉar Karlo parolas.
*Kial vi manĝas?* — ........................ malsatas.
*Kial vi dormas?* — ........................ laca.

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*Stokholmo* estas granda urbo. Tie staras la bela urbo-domo. Ankaŭ bela statuo staras en ĝardeno. Multaj blankaj birdoj flugas. La svedaj amikoj Leno kaj Justo ridas ĉar ili estas tre ĝojaj. Ankaŭ la hundo estas tre kontenta ĉar ĝi ne plu estas sur la ŝipo.

La granda vapor-ŝipo estas sur la maro. La geknaboj, Karlo kaj Johanino, alvenas. La svedaj geamikoj estas grandaj. Ili salutas. Li estas kamarado Justo, ŝi estas kamaradino Leno. La maristo restas sur la ŝipo kaj rigardas. La haroj de la svedaj junuloj estas blondaj. La vapor-ŝipo estas longa.

---

*Ĉu Stokholmo estas granda urbo ?*
*Kie staras la bela urbo-domo ?*
*Kie staras la statuo ?*
*Kial la svedaj amikoj ridas ?*

*Kie staras Leno ?*
*Ĉu la maristo staras sur la ŝipo ?*
*Kiaj estas la svedaj gekamaradoj ?*
*Kie restas la maristo ?*

---

*Kiom da birdoj flugas ?*
*Kiaj estas la birdoj ?*
*Kiom da statuoj staras ?*
*Kia estas la urbo-domo ?*

*Kia estas la vapor-ŝipo ?*
*Kie estas la vapor-ŝipo ?*
*Kiu estas la sveda kamaradino ?*
*Kiuj alvenas ?*

---

*Kio estas Stokholmo ?*
*Kiuj ridas ?*
*Kia estas la hundo ?*
*Kial la hundo estas kontenta ?*

*Ĉu la vapor-ŝipo estas longa ?*
*Kiaj estas la haroj de Leno ?*
*Kiu restas sur la ŝipo ?*
*Kiuj estas grandaj ?*



Estas danĝere
Tro ofte pravi.

# *ESPERANTO*

## SEPA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Kiel kutime, legado. Malrapide la gelernantoj lernos tiujn novajn vortojn, por ke ili mem trovu la signifon. Nur se estas tro longa serĉado, vi helpu tradukante. Vi atentu sur paĝo 26-a, estas Karlo kaj Johanino, kiuj parolas. Por la lernado de la adjektivoj : mia, via, lia, ŝia, vi povos ankaŭ individue demandi, ekz : « ĉu ĝi estas via kajero ? » ; « ĉu ĝi estas via krajono ? » k.t.p. Pri « kies », sama rimedo.*

*La bildo pri la familio sur paĝo 27-a, ebligas al vi longe ekzercadi. Pri « ido », vi povas aldoni pliajn demandojn pri la best-vortoj, kiujn ni jam lernis en la aliaj lecionoj.*

*Ekde tiu leciono estas konsilinde okupi la lastajn minutojn de la kurso re-rigardante al unu el la antaŭaj bildoj « Aventuroj de Johanino kaj Karlo », demandi kaj legi (relernado).*

## FAMILIO

folioj
branĉoj
arbo

gekuzoj
kuzo
kuzino
fratino
frato
nepo
nepino
nevo
onklo
gepatroj
bofilino
filo
filino
bofilo
bopatro
bopatrino
avo
patro
avino
patrino




*Mia* kaskedo estas nova.
Mia floro estas bela.
Miaj haroj estas blondaj.
Miaj okuloj estas bluaj.




*Via* granda lernejo.
Via pacienca instruisto.
Via ĝentila kamarado.
Viaj brunaj haroj.
Viaj mallongaj oreloj.
Viaj bluaj okuloj.




Johanino diras : *lia* kaskedo estas nova.

Karlo diras : *ŝia* stelo estas verda kaj bela.

Liaj haroj estas blondaj kaj ŝiaj haroj estas frizitaj.

La kaskedo estas sur lia kapo ; la stelo estas sur ŝia robo.

Lia nomo estas Karlo ; ŝia nomo estas Johanino.



KIES ?

Ĝi estas kaskedo de Karlo kaj sako lia ; ĝi estas tulipo de ŝi kaj stelo ŝia.

## KARLO KAJ JOHANINO DEMANDAS

*Ĉu MIA kaskedo estas nova ?*
*Ĉu mia floro estas bela ?*
*Kia estas mia kaskedo ?*
*Kia estas mia floro ?*

*Ĉu miaj haroj estas blondaj ?*
*Ĉu miaj okuloj estas bluaj ?*
*Kiaj estas miaj haroj ?*
*Kiaj estas miaj okuloj ?*

---

*Ĉu VIA lernejo estas granda ?*
*Kia estas via instruisto ?*
*Ĉu via kamarado estas ĝentila ?*
*Kiaj estas viaj haroj ?*
*Kiaj estas viaj oreloj ?*
*Kiaj estas viaj okuloj ?*

---

*Ĉu LIA kaskedo estas nova ?*
*Ĉu ŜIA stelo estas verda ?*
*Kia estas lia kaskedo ?*
*Kia estas ŝia stelo ?*
*Ĉu liaj haroj estas blondaj ?*
*Ĉu ŝiaj haroj estas frizitaj ?*
*Kiaj estas la haroj de Karlo ?*
*Ĉu ŝia tulipo estas bela ?*

---

*Ĉu lia amiko Niko estas en Amsterdamo ?*
*Ĉu ŝia amikino Leno loĝas en Stokholmo ?*
*Ĉu lia kamarado Justo estas granda?*
*Ĉu ŝia frato estas Karlo ?*
*Kio estas sur lia kapo ?*
*Kio estas sur ŝia robo ?*
*Ĉu lia nomo estas Petro ?*
*Ĉu ŝia nomo estas Paŭlino ?*

---

*Kies kaskedo ĝi estas ?*

— Ĝi estas kaskedo de ...

*Kies tulipo ĝi estas ?*
*Kies stelo ĝi estas ?*
*Kies sako ĝi estas ?*




La familio de Karlo kaj Johanino estas granda. Ernesto kaj Paŭlino estas la geavoj. Karlo estas nepo de Ernesto, li estas ankaŭ la filo de Andreo. Johanino estas la fratino de Karlo. La patrino de la geknaboj estas Jaklino kaj la patro estas Andreo. Petro kaj Abelino estas la gekuzoj de Karlo kaj Johanino ĉar ili estas la gefiloj de Karlino. Karlino estas la fratino de Andreo. Johano estas la onklo de Karlo kaj la *bo*filo de Ernesto. Paŭlino estas la avino, ŝi estas la *bo*patrino de Johano kaj Jaklino. En tiu familio estas du kuzoj, kvar genepoj, ses gepatroj kaj dek parencoj.

*Ĉu la familio estas granda ?*
*Ĉu Karlo kaj Petro estas nepoj ?*
*Kies nepoj ili estas ?*
*Kies patro estas Andreo ?*

*Kiu estas la patrino de Karlino ?*
*Kiu estas la patro de Petro ?*
*Kiu estas la patrino de Abelino ?*
*Kiu estas la patro de Andreo ?*

*Ĉu Karlo kaj Johanino estas GEfratoj ?*
*Ĉu ankaŭ Andreo kaj Kartino estas gefratoj ?*
*Ĉu Ernesto kaj Paŭlino estas geedzoj ?*
*Ĉu ankaŭ Jaktino kaj Andreo estas geedzoj ?*

*Kies gepatroj estas Jaktino kaj Andreo ?*

*Kiu estas BOpatro de Johano?*
*Kiu estas BOpatrino de Jaktino ?*
*Kiu estas BOfito de Ernesto ?*
*Kiu estas BOfitino de Paŭlino ?*

*Kiom da gekuzoj estas en tiu familio ?*
*Kiom da geedzoj estas en tiu familio ?*
*Kiu estas la familio de Karlo ?*
*Kiu estas la avo ? Kiu estas Karto ?* (maljuna - juna).

---




Ido de kato estas katido ; ido de koko estas kokido, ido de ĉevalo estas ĉevalido ; ido de elefanto estas elefantido. La kato kaj la katido sidas. La koko staras. La kokino kaj kvar kokidoj manĝas. La junaj birdidoj ne povas flugi.

*Kio estas ido de ĉevalo ?*
*Kio estas ido de elefanto ?*
*Ĉu ido de kato estas azenido ?*
*Ĉu ido de birdo estas porkido?*

*Kiom da kokidoj manĝas ?*
*Kiom da katidoj sidas ?*
*Kio estas ido de hundo ?*
*Kio estas ido de homo ?*

*Ĉu la kokidoj staras aŭ sidas?*
*Ĉu la katido povas kuri rapide ?*
*Kio estas ido de ŝafo ?*
*Kial la birdidoj ne flugas ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En la malvarma Laponio.* — La gejunuloj povas paroli ĉar ankaŭ la gelaponoj estas geesperantistoj. Johanino parolas kun laponido. Neĝo estas sur la tero kaj glacio estas sur la maro. La tendo staras proksime. La lapona familio ofte vojaĝas sed nur en la malvarma norda Laponio.

La geknaboj estas ĉe la laponoj. La pingvino staras kaj la foko kuŝas sur la glacio. La piedoj de Karlo kaj Justo estas sur skioj. La hundo rigardas ; ankaŭ la malgranda birdo rigardas ; ili ne komprenas. La suno brilas malforte ĉe la horizonto.

*Ĉu Laponio estas varma lando ?*
*Kio estas sur la tero kaj sur la maro?*
*Kia estas Laponio ?*
*Kie estas la tendo de la laponoj ?*

*Ĉu pingvino kaj foko estas bestoj ?*
*Kie estas la piedoj de Karlo ?*
*Kia estas la birdo ?*
*Kie staras la pingvino ?*

---

*Kiu parolas kun la laponido ?*
*Kial la geknaboj povas paroli kun la laponoj ?*
*Kiom da personoj staras ?*
*Ĉu ĉiu lapono parolas en Esperanto ?*

*Kiuj ne komprenas ?*
*Kiom da bestoj staras ?*
*Kiel brilas la suno ?*
*Ĉu elefanto vivas tie ?*
*Kies tendo ĝi estas ?*

---

*Kio estas Laponio ?*
*Ĉu neĝo estas sur la tero ?*
*Kio staras proksime ?*
*Kiu ofte vojaĝas ?*

*Ĉu la suno brilas forte ?*
*Kie brilas la suno ?*
*Ĉu la pingvino staras ?*
*Ĉu estas truo en la glacio ?*

# *ESPERANTO*

## OKA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

**8**

*Per pacienco*
*Venas scienco.*

*Denove, en tiu ĉi leciono, por la lernado de « ti- ĉi- » vortetoj vi atentigu la gelernantojn, ke estas Karlo kaj Johanino, kiuj demandas. Ankaŭ sur paĝo 30-a, por lernado de « nia », sama rimarko por la kvar unuaj demandoj.*

*Vi mem aldonu ekzemplojn pri « tiu », « tiu ĉi » (tiu lernanto estas Petro, tiu ĉi estas Johano, k.t.p.) ; « tie », « tie ĉi » (tie estas la pordo, tie ĉi estas la tablo, k.t.p.).*

*Vi mem trovu kelkajn ekzemplojn pliajn por utiligi la « neni »-vortetojn (kiu fumas en la ĉambro ? kio estas sur...? k.t.p.). Vi aldonu kelkajn ekzemplojn pri « eta », « ega » kun adjektivoj utiligebtaj en la lernoĉambro (ekz. : varma kaj malvarma, seka kaj malseka). Insistu pri : kun, sen (vi promenu kun libro kaj sen libro). La lernanto (Petro) promenas kun alia (Karlo), li demandas : « Ĉu... sen...? » k.t.p.*

---


































Johanino kaj ŝia pupo sidas sur larĝa seĝo sub granda ombrelo. La suno brilas, ĝi estas varma. La pupo sidas kaj ridetas; *ĝia* ĉapelo estas bela. La knabino kaj la pupo sidas, ili ripozas. *Ilia ombrelo* estas granda kaj *ilia* seĝo estas larĝa.

-ego



glaseto glaso glasego
kulereto kulero kulerego

La kuler*eto* staras en la glas*eto*.
La kulero kuŝas apud la glaso.
La kuler*ego* kuŝas sur la glas*ego*.

La Luno...





ridetas ridas ridegas

Kun tri haroj, la luno rid*etas*.
Kun kvar haroj, ĝi ridas.
Kun multaj haroj, ĝi rid*egas*.





ploretas ploras ploregas

Estas nur du haroj, ĝi plor*etas*.
Estas nur unu haro, ĝi ploras.
Ne plu estas haro, ĝi plor*egas*.

## JOHANINO DEMANDAS

*Ĉu mi kaj la pupo sidas?*
*Ĉu ni sidas sur larĝa seĝo?*
*Ĉu NIA ombrelo estas granda?*
*Ĉu NIA seĝo estas granda?*

---

*Ĉu la pupo ridetas?*
*Ĉu GIA ĉapelo estas bela?*
*Ĉu ĝiaj haroj estas nigraj?*
*Ĉu la suno brilas?*
*Kie la knabino kaj la pupo sidas?*
*Ĉu ili ripozas?*
*Ĉu ILIA ombrelo estas granda?*
*Ĉu ilia seĝo estas larĝa?*

---

*Ĉu malgranda glaso estas glaseto?*
*Ĉu malgranda ŝtrumpo estas ŝtrumpeto?*
*Kio estas malgranda hundo?*
*Kio estas malgranda floro?*
*Ĉu granda glaso estas glasego?*
*Ĉu granda kulero estas kulerego?*
*Kio estas granda besto?*
*Kio estas granda ĉambro?*

*Ĉu Parizo estas grandEGA urbo?*
*Ĉu tulipo estas beleta floro?*
*Ĉu ĉokolado estas bonega manĝaĵo?*
*Ĉu elefanto estas dikega besto?*
*Kie staras la kulereto?*
*Kie kuŝas la kulero?*
*Kie kuŝas la kulerego?*
*Kiom da glasoj staras?*

---

*Ne plu estas haro, ĉu ĝi ridetas?*
*Estas du haroj, ĉu ĝi ploras?*
*Estas multaj haroj, ĉu ĝi ridegas?*
*Estas tri haroj, ĉu ĝi ridas?*
*Kial la luno ridetas?*
*Kial ĝi ridegas?*
*Kial ĝi ploregas?*
*Kial ĝi ploretas?*

---

*Ĉu Karlo trinketas aŭ trinkegas?*
*Ĉu la pupo ridegas aŭ ridas?*
*Ĉu la suno briletas?*
*Ĉu ĝi ankaŭ ridetas?*




*Karlo parolas kaj montras*
La piro estas *tie ĉi* en mia telero.
La pomo estas tie en ŝia mano.

## KARLO DEMANDAS

*Ĉu tio ĉi estas piro?*
*Ĉu tio estas pomo?*
*Ĉu la telero estas tie ĉi?*
*Ĉu la pomo estas tie?*
*Kio estas tio ĉi?*
*Kio estas tio?*
*Kie estas la piro?*
*Kie estas la pomo?*

---




*Johanino parolas kaj montras*
La piro estas tie en lia telero.
La pomo estas tie ĉi en mia mano.

## JOHANINO DEMANDAS

*Ĉu tio ĉi estas pomo?*
*Ĉu tio estas piro kaj telero?*
*Ĉu la telero estas tie ĉi?*
*Ĉu la pomo estas tie ĉi?*
*Kio estas tio?*
*Kio estas tio ĉi?*
*Kie estas la pomo?*
*Kie estas la piro?*

---




*Neniu* estas en la ĉemizo.
Nen*io* estas en la glaso.
*Nenie* estas floro.

*Kiu estas en la ĉemizo?*
*Kio estas en la glaso?*
*Kie estas la floro?*
*Ĉu Karlo estas en la ĉemizo?*
*Ĉu la vino estas en la glaso?*
*Ĉu la floro estas en la vazo?*
*Kie la homoj parolas per oreloj?*
*Kie la homoj manĝas per okuloj?*
*Kie la homoj vidas per nazo?*



Li trinkas iom da vino.
*Iom da* vino estas en la glaso.
Iom da varma kafo estas en la taso.
Iom da akvo estas en la kruĉo.

*Ĉu Karlo trinkas iom da vino?*
*Ĉu iom da kafo estas en la taso?*
*Ĉu iom da akvo estas en la kruĉo?*
*Kiom da vino estas en la glaso?*
*Kiom da kafo estas en la taso?*
*Kiom da akvo estas en la kruĉo?*
*Ĉu la kafo estas varma kaj nigra?*
*Ĉu la vino estas bona kaj ruĝa?*
*Ĉu la akvo estas senkolora?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Kopenhago.* — Ili estas en la granda dana urbo. La juna kamaradino Mario montras. Karlo kun Johanino kaj Mario biciklas. En Kopenhago estas multaj interesaj turoj ; unu aspektas kiel krokodiloj. Sur la stratoj estas multaj biciklantoj, kiuj iras rapide. La tri geknaboj biciklas sen mantelo, ĉar estas varme ; ili ridetas. La urbo estas belega ; ĝiaj stratoj estas larĝaj. Mario diras : « Nia urbo estas granda, rigardu ! Tio estas muzeo kaj tio ĉi estas lernejo ».

---

*Kie estas Karlo kaj Johanino ?*
*Ĉu ili iras piede ?*
*Ĉu tie estas multaj turoj ?*
*Kiom da biciklantoj estas sur la stratoj ?*
*Kiel aspektas la turo ?*
*Ĉu la geknaboj biciklas ?*
*Kiaj estas la turoj ?*
*Kial la geknaboj biciklas sen mantelo ?*

---

*Kiu montras ? Kiu rigardas ?*
*Kia estas Kopenhago ?*
*Kio estas en la dekstra mano de Mario ?*
*Kie estas la ĉevaloj ?*
*Kiaj estas la stratoj ?*
*Kiel iras la biciklantoj ?*
*Kie estas la aŭtomobiloj ?*
*Kiu iras piede ?*

---

*Ĉu la geknaboj estas en Kopenhago?*
*Kiom da turoj estas en Kopenhago ?*
*Kio estas sur la stratoj ?*
*Kial Kopenhago estas bela urbo ?*
*Ĉu Mario parolas ?*
*Ĉu ŝi ankaŭ montras ?*
*Ĉu la geknaboj iras bicikle ?*
*Kiuj biciklas ?*




# *ESPERANTO*

## NAŬA LECIONO

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Unua kontakto kun la akuzativo. La unuan ekzercilon (pri la kuniklo) ĉiu plurfoje relegu. Atentigu la gelernantojn pri akuzativo ĉe la demand-vortetoj (kion...), ĉe adjektivoj, pronomoj, k.t.p.*

*Vi povas konkretigi la lernitan sufikson « -aĵo » alportante sukeraĵojn.*

*Vi insistu pri la diferenco inter « el » kaj « per »*

Diktaĵo : *Vi diktu ; la gelernantoj skribu ĉi suban poezieton, tekston de kanteto « Steleto, ho ! ho ! », kies muzikaĵon vi trovos en la 11-a leciono. Dum la venonta (10-a) vi redonos la korektitajn skribaĵojn kaj liveros la klarigojn (tradukado, pri elizitaj vortoj, k.t.p.).*

*Nur tiu ne eraras,*
*kiu neniam ion faras*

fadeno
bobeno
plumo
kudrilo
tondilo
kaserolo
krajono
okulvitro
alumeto-skatolo
broso
forko
cigaredo
trancilo
pipo

---

I

*Spite al land-lim'*
*Fratoj estu ni*
*Kaj de nun sen tim'*
*Nu, manpremu ni.*

II

*Dancu en la rond'.*
*Kantu kun esper',*
*Por ni unu mond'*
*Ja, nur unu ter' !*

III

*Por mond-junular'*
*Limoj estu for !*
*Ĝoje la homar'*
*Kantu do el kor' !*



La kuniklo manĝas la karoto*n*.
La karoto*n* manĝas la kuniklo
La karoto*n* la kuniklo manĝas.
Manĝas la karoto*n* la kuniklo.




Johanino manĝas, ŝi manĝas ĉokolado*n*.
Karlo trinkas, li trinkas vino*n*.
Ŝi manĝas bona*n* ĉokolado*n*.
Li trinkas ruĝa*n* vino*n*.
La bonan ĉokoladon manĝas Johanino.
La ruĝan vinon trinkas Karlo.



Li montras la stelon de ŝi.
Ŝi montras la kaskedon.
Li montras la stelon.
Li montras ŝian stelon.
Ŝi montras lian kaskedon.
Li montras ankaŭ piron.
Ŝi montras ankaŭ floron.
Li montras piron per la dekstra mano.
Ŝi montras floron per la maldekstra mano.
La floro estas en la mano de Johanino, ŝi montras ĝin. La piro estas en la mano de Karlo, li montras ĝin. Ŝi montras belan floron. Li montras bonan piron.

*KioN manĝas la kuniklo ?*
*Ĉu la kuniklo manĝas la karotoN?*
*Ĉu la karotoN manĝas la kuniklo?*
*KioN la kuniklo manĝas ?*
*Manĝas la kuniklo kioN ?*
*Ĉu la karotoN la kuniklo manĝas?*
*Ĉu la kuniklo la karotoN manĝas?*

---

*Ĉu Johanino manĝas ĉokoladoN ?*
*Ĉu Karlo trinkas vinoN ?*
*Ĉu ŝi manĝas bonaN ĉokoladoN ?*
*Ĉu li trinkas ruĝaN vinoN ?*
*Ĉu la ĉokoladon manĝas Johanino ?*
*Ĉu la vinon trinkas Karlo ?*
*Ĉu la bonan ĉokoladon ŝi manĝas?*
*Ĉu la ruĝan vinon li trinkas ?*

*Kion ŝi manĝas ?*
*Ŝi mangas kion ?*
*Kion li trinkas ?*
*Li trinkas kion ?*

---

*Ĉu li montras la steloN de ŝi ?*
*Ĉu li montras ŝiaN steloN ?*
*Ĉu ŝi montras la kaskedon de li ?*
*Ĉu ŝi montras liaN kaskedoN ?*
*Ĉu li montras piron kaj stelon ?*
*Ĉu ŝi montras ankaŭ floron ?*
*Ĉu li montras ankaŭ piron ?*
*Ĉu li montras per la dekstra mano ?*
*Ĉu ŝi montras floron kaj kaskedon ?*

*Kie estas la piro ?*
*Ĉu li montras ĝin ?*
*Kie estas la floro ?*
*Ĉu ŝi montras ĝin ?*
*Kiu montras la piron ?*
*Kiu montras la floron ?*
*Kiu montras la stelon ?*
*Kiu montras la kaskedon ?*
*Kies kaskedon ŝi montras ?*
*Kies stelon li montras ?*
*Kion li montras ?*
*Kion ŝi montras ?*




| Riĉa sinjoro. | Malriĉa Karlo. |
|---|---|
| Li estas dika. | Li estas juna. |
| Li havas ĉapelon. | Li estas afabla. |
| Li estas sinjoro. | Li estas knabo. |
| Li havas monon. | Li ne havas monon. |
| Li portas bastonon. | Li portas nenion. |
| Li havas hundon, ĝi havas vestaĵon. | Ankaŭ li havas hundon, ĝi estas libera. |
| Li estas komercisto. | Li vendas nenion. |
| Li havas klientojn en la tuta mondo. | Li havas amikojn en la tuta mondo. |

Riĉ*eco* de la sinjoro, mallibere*co* de la hundo, dik*eco* de la ventro. La liber*eco* de la hundo de Karlo.



Si faras floron el papero. Li faras meblon el ligno.

La floro estas paper*aĵo*. La meblo estas lign*aĵo*.

Botelo estas el vitro ; ĝi estas vitraĵo.

Forno estas el fero ; ĝi estas feraĵo.

Bombonoj estas el sukero ; ili estas sukeraĵoj.

La hundo manĝas viandon ; viando estas manĝaĵo.

La kato trinkas lakton ; lakto estas trinkaĵo.

La beleco de la floro. La fideleco de la hundo.

La riĉeco de la sinjoro. La ĝentileco de la geknaboj.

La libereco de la hundo. La dikeco de la ventro.

*Ĉu la sinjoro estas riĉa ?*
*Kia li estas ?*
*Ĉu li havas monon ?*
*Ĉu li portas bastonon ?*
*Ĉu la hundo havas vestaĵon?*

*Kio estas la sinjoro ?*
*Ĉu li havas klientojn ?*
*Kie estas liaj klientoj ?*
*Kie li portas la bastonon ?*

*Ĉu Karlo estas riĉa ?*
*Kia li estas ?*
*Kion li portas ?*
*Ĉu la hundo de Karlo havas vestaĵon ?*

*Kion vendas Karlo ?*
*Ĉu li havas klientojn ?*
*Kie estas la amikoj de Karlo ?*

*Ĉu liaj poŝoj estas plenaj ?*
*Ĉu li portas bastonon ?*

*Kion portas la sinjoro ?*
*Kiu estas malriĉa ?*
*Kio staras sur la bastono ?*
*Ĉu la birdo estas libera ?*
*Ĉu la sinjoro havas ĉapelon?*

---

*Kion ŝi faras ?*
*Kion li faras ?*
*Ĉu ŝi faras paperaĵon ?*
*Ĉu li faras lignaĵon ?*
*Ĉu ili laboras ?*

*Ĉu botelo estas vitraĵo ?*
*Ĉu forno estas feraĵo ?*
*Ĉu bombonoj estas sukeraĵoj ?*
*Ĉu pano estas manĝaĵo ?*
*Ĉu vino estas trinkaĵo ?*

*Ĉu ŝi faras floron el papero?*
*Ĉu li faras meblon el ligno ?*
*Ĉu ŝi tenas tondilon ?*
*Ĉu li staras ?*
*Ĉu la floro kuŝas sur la tablo ?*

*Kiu faras meblon ?*
*Kiu faras floron ?*
*Kiu tondas paperon ?*
*Kiu havas dikan ventron ?*
*Kiu havas hundon ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)





*En Berlino.* — Kun la kamarado Fredo ili vizitas la urbon. Fredo montras la monumenton. Li parolas : « Ĉi tie estas la granda pordego. » Johanino demandas. En la mano de Karlo estas la urbo-plano. Ankaŭ Fredo havas verdan stelon. Li estas esperantisto kaj loĝas en Berlino. Fredo tre bone parolas Esperanton kaj li bone gvidas la geknabojn.

*En la trajno.* — Ili vojaĝas per la trajno. Ili parolas kaj rigardas la pejzaĝon. La hundo kuŝas sub la benko kaj la libro estas sur la alia benko. Karlo diras : « Vidu la beletan vilaĝon ». Johanino ne legas la libron, ŝi preferas rigardi kaj admiri la naturon. Ili estas solaj en la kupeo. La trajno iras rapide.

---

*Ĉu Berlino estas granda urbo ?*
*Kion montras la amiko Fredo ?*
*Kio estas en la mano de Karlo ?*
*Kion tenas Karlo ?*

*Kiel vojaĝas la geknaboj ?*
*Kion ili rigardas ?*
*Kion diras Karlo ?*
*Ĉu Johanino legas gazeton aŭ libron?*

---

*Kiel Fredo parolas Esperanton ?*
*Kiu havas verdan stelon ?*
*Kion havas Fredo ?*
*Ĉu ili vizitas Berlinon ?*

*Ĉu ili estas solaj ?*
*Kiel iras la trajno ?*
*Kie kuŝas la hundo ?*
*Kie estas la libro ?*

---

*Ĉu komercisto vendas ?*
*Ĉu kliento aĉetas ?*
*Ĉu kaserolo estas el metalo ?*
*Ĉu pipo estas el ligno ?*

*Ĉu kliento aĉetas per mono ?*
*Ĉu mono estas el papero kaj metalo?*
*Ĉu vojaĝanto aĉetas trajno-bileton ?*
*Ĉu la geknaboj havas trajno-bileton?*

# *ESPERANTO*

## DEKA LECIONO

10

*Eĉ guto malgranda, konstante frapante,*
*Traboras la monton granitan.*

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Tiu ĉi tuta leciono celas alkutimigi al utiligado de la akuzativo kaj relernadi la diversajn demand-vortetojn. En la suba vortaro estas novaj kunmetitaj vortoj (skribo-tablo) ; vi klarigu denove la formadon de tiuj vortoj.*

Diktaĵo : *Sekvo de la kantelo por la venonta leciono.*

## MEBLOJ

horloĝo






sonorilo



breto



telefon-aparato

skribo-maŝino

tirkesto







ŝranko

skribo-tablo

brak-seĝo

Tablo por manĝi estas manĝo-tablo aŭ manĝotablo.
Tablo por skribi estas skribo-tablo aŭ skribotablo.
Maŝino por kudri estas kudro-maŝino aŭ kudromaŝino.
Maŝino por skribi estas skribo-maŝino aŭ skribomaŝino aŭ skribmaŝino.

REKANTAĴO

*Kantu tia la la*
*Tio la ho la ho*
*Sonu tia la la*
*Tio la ho la ho !*

*Diru ja la la la*
*Steleto ho la ho*
*Verda ja la la la*
*Brilu sen fin' !*




La masonisto konstruas muron.
Li konstruas la muron el brikoj.
Karlo kaj Johanino helpas la masoniston.
Karlo preparas la morteron por masoni.
Johanino portas la brikojn.
La masonisto laboras per trulo kaj martelo.
La knabo laboras per ŝovelilo.
Li preparas la morteron el sablo, kalko kaj akvo.
La masonisto tenas brikon per la maldekstra mano, ankaŭ Johanino.
Sur la sablo kuŝas du kalko-sakoj.
Apud la masonisto estas mortero-kuvo.
Ili laboras kuraĝe. Ili konstruas muron.

*Ĉu la masonisto konstruas muron?*
*El kio la masonisto konstruas?*
*Ĉu la geknaboj helpas la masoniston?*
*Ĉu Karlo preparas la morteron?*
*Ĉu Johanino portas la brikojn?*
*Kion tenas la masonisto?*
*Kion preparas la knabo?*
*Per kio la masonisto laboras?*
*Per kio Karlo laboras?*
*Kie estas la mortero-kuvo?*
*Kie kuŝas la kalko-sakoj?*
*El kio Karlo preparas morteron?*
*Per kiu mano Johanino tenas brikon?*
*Per kiu mano la masonisto tenas trulon?*
*Kiom da personoj laboras?*
*Kiel ili konstruas muron?*
*Kiun vi vidas apud la muro?*
*Kiujn vi vidas sur la bildo?*

---



La kamparano kulturas la kampon.
La kamparano plugas per plugilo.
La bovoj tiras la plugilon.
Johanino vipas la bovojn.
Karlo fiere kondukas fortan traktoron.
La geknaboj helpas la kamparanon.
La forta traktoro iras rapide.
La bovoj tiras forte sed malrapide.
La kamparano havas ĉapelon, li atente gvidas la plugilon.
Karlo tenas la gvidilon, li rigardas la kamparanon kaj Johaninon.
La kamparano rigardas la traktoron.

*Ĉu la kamparano kulturas kampon?*
*Ĉu li plugas la kampon per plugilo?*
*Ĉu la bovoj tiras la plugilon?*
*Ĉu Karlo kondukas la traktoron?*
*Ĉu ankaŭ Johanino helpas la kamparanon?*
*Kion tiras la bovoj?*
*Kiel ili tiras?*
*Kiu kondukas la traktoron?*
*Kiel Karlo kondukas?*
*Per kio la kamparano plugas?*
*Per kio Johanino vipas la bovojn?*
*Kiel la kamparano gvidas la plugilon?*
*Kion tenas Karlo?*
*Kiom da bovoj tiras la plugilon?*
*Kiuj helpas la kamparanon?*
*Kiujn rigardas Karlo?*

LI
+
ŜI
+
ILI
=




*Oni* marŝas per la piedoj.
Oni parolas per la buŝo.
Oni aŭskultas per la oreloj.
Oni spiras per la nazo.
Oni dormas en lito.
Oni sidas en brakseĝo.
Oni staras sur la planko.
Oni estas homoj.
Oni trinkas akvon.
Oni faras meblon el ligno.
Oni konstruas domon el brikoj.
Oni manĝas por vivi

*Ĉu ONI marŝas per la piedoj?*
*Ĉu oni parolas per la buŝo?*
*Ĉu oni ankaŭ manĝas per la buŝo?*
*Ĉu oni spiras per la nazo?*

*Ĉu oni povas trinki per la nazo?*
*Ĉu oni povas naĝi per la piedoj?*
*Ĉu oni estas infanoj, virinoj kaj viroj?*

*Ĉu oni faras meblojn el ligno?*
*Ĉu oni konstruas domon el brikoj?*
*Ĉu oni trinkas akvon per la buŝo?*
*Ĉu oni manĝas por vivi?*

*Ĉu oni povas marŝi per la kapo?*
*Ĉu oni povas marŝi kun la kapo?*
*Ĉu oni povas vivi per akvo kaj pano?*
*Ĉu oni povas vivi kun tigro kaj leono?*

*Kiel oni iras? — . . . . . . . . piede.*
*Kiel oni kuras? — . . . . . . . . rapide.*
*Kion oni trinkas?*
*Kion oni konstruas?*



*Dika* sinjoro estas *dikulo*.
*Bela* sinjorino estas *belulino*.
*Forta* knabo estas *fortulo*.
*Bona* knabino estas *bonulino*.
La dikulo rigardas la fortan junulon, *dum* Johanino aplaŭdas. La belulino sidas kaj rigardas, *dum* la fortulo kuraĝe tenas la halteron.
La belulino sidas sur seĝo kaj la fortulo staras sur tapiŝo. La dikulo havas ĉapelon sur la kapo. La forta junulo levas la halteron.

*Kiu estas dika?*
*Kia estas la knabino?*
*Kie sidas la belulino?*
*Kie staras la fortulo?*

*Kiu havas ĉapelon?*
*Kiu levas halteron?*
*Kiu aplaŭdas forte?*
*Kiu tenas kuraĝe?*

*Kion faras la fortulo?*
*Kion rigardas la belulino?*
*Ĉu la sinjoro havas dikan ventron?*
*Ĉu la junulo havas fortajn brakojn?*

*Ĉu bona knabo estas bonulo?*
*Ĉu ĝentila knabino estas ĝentilulino?*
*Ĉu kara amiko estas karulo?*
*Ĉu forta knabo estas fortulo?*

*Kiu rigardas la fortan junulon, dum Johanino aplaŭdas?*
*Kiu kuraĝe tenas la halteron, dum la belulino sidas?*
*Kiu staras kun dika ventro kaj rigardas per grandaj okuloj?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Tirolo.* — Johanino kaj Karlo vizitas la tirolajn geamikojn Valdo kaj Ernino. Ili estas tre kontentaj. La tirolaj geamikoj donas la manojn. Apud la domo la gepatroj salutas kaj levas la brakojn. La pejzaĝo estas belega. Oni vidas grandegajn montojn. La kostumoj de la tirolaj geknaboj estas belaj kun multaj koloroj. Sur la ĉapelo de Valdo estas longa plumo, sur tiu de Ernino estas ruĝaj floretoj. Sur la monto oni vidas akvo-falon. Mallarĝa vojo kondukas al la domo. La domo estas el ligno. Apud la domo estas bovino. Ankaŭ la hundo vizitas Tirolon.

---

*Kiujn vizitas Johanino kaj Karlo ?*
*Kiaj estas la kostumoj de Valdo kaj Ernino ?*
*Kio estas sur la ĉapelo de la knabo ?*
*Kion donas la tirolaj geamikoj ?*
*Kiaj estas la montoj ?*
*Kiom da personoj oni vidas ?*
*Kie estas la gepatroj ?*

---

*Ĉu Karlo havas ĉapelon ?*
*Ĉu oni vidas la gepatrojn ?*
*Ĉu Johanino portas sakon ?*
*Ĉu la vojo estas larĝa ?*
*Ĉu oni vidas akvo-falon ?*
*Ĉu oni vidas bovinon ? Kie ŝi estas ?*
*Ĉu la domo estas el ligno ?*
*Ĉu la hundo kuniras ?*

---

*Kiuj estas sur la vojo ?*
*Ĉu la bovino estas sur la vojo ?*
*El kio estas la domo ?*
*Kiuj portas sakojn ?*
*Kia estas la vojo ?*
*Kiom da bestoj oni vidas ?*
*Ĉu Tirolo estas bela lando ?*
*Kiaj estas la homoj ?*

# *ESPERANTO*

## DEK UNUA LECIONO




*La verdan standardon tre alte ni tenos ;*
*Ĝi signas la bonon kaj belon.*

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Tiu ĉi leciono estas entute dediĉita al la konjugacio. Akcentu la rilatojn inter : hodiaŭ = —ns. hieraŭ = —is, morgaŭ = —os. Vi povos ankaŭ aldoni praktikan ekzercadon tian : Lernanto iru al pordo ; li malfermos la pordon, li malfermas la pordon, li malfermis la pordon. Kun demandoj : Ĉu li malferm—os, —os, —is ? Ĉu li ferm—os, —as, —is ? Aliajn ekzercojn vi povas aldoni. Utiligu ankaŭ la antaŭajn scenojn de la « aventuroj » ; ekzemple : (is—tempo). Ĉu la geknaboj estis en Kopenhago ? Ĉu tiam ili biciklis ? Kiun ili renkontis en Stokholmo ? Kion ili manĝis en Amsterdamo ? k.t.p.*

*La gelernantoj devos skribi la unuan poŝtkarton al ekstertando post la 15-a leciono. Jam nun, vi aperigu anoncojn en gazetoj, vi organizu leteroesperon aŭ turnu vin al koresponda servo por ke ĉiu ricevu korespondaĵon antaŭ la 16-a leciono.*







MONATOJ

| | | | |
|---|---|---|---|
| aprilo | januaro | julio | oktobro |
| majo | februaro | aŭgusto | novembro |
| junio | marto | septembro | decembro |

# -AS = *HODIAŬ*
# -IS = *HIERAŬ*
# -OS = *MORGAŬ*

*Hodiaŭ* Karlo kaj Johanino sid*as*
*Hieraŭ* ili salut*is* la geamikojn.
*Morgaŭ* ili vojaĝ*os*.
Hodiaŭ ili ridas kaj kantas.
Hieraŭ ili ridis kaj salutis.
Morgaŭ ili ridos kaj vojaĝos.

| | |
|---|---|
| *KIAM ?* | *TIAM !* |
| *ĈIAM* | *NENIAM* |

Kiam falas neĝo, *tiam* estas vintro.
Kiam kreskas floroj, tiam estas printempo.
Kiam mi estis malgranda, tiam mi suĉis mian fingron sed mi neniam plu suĉos ĝin.
La steloj *ĉiam* brilas sed oni neniam vidas ilin dum la tago.
Mi ĉiam parolas laŭte kaj neniam tro rapide.



**-as** *hodiaŭ*

Hodiaŭ la geknaboj sidas ; ili estas en tirola domo kaj kantas. Ili sidas sur benko apud la granda forno. La tirolaj amikoj muzikas. Hodiaŭ Valdo ludas per akordiono kaj Ernino per citro. Johanino kaj Karlo tenas grandan muziklibron sur la genuoj. Karlo rigardas la citron. Johanino laŭte kantas. Hodiaŭ estas ĝoja kaj gaja tago, ĉar ĉiuj kantas kaj muzikas.

*Ĉu hodiaŭ estas bela tago ?*
*Ĉu hodiaŭ vi lernas Esperanton ?*
*Ĉu hodiaŭ vi komprenas bone ?*

*Ĉu hieraŭ estis bela tago ?*
*Ĉu hieraŭ la suno brilis ?*
*Ĉu hieraŭ vi manĝis ?*

*Ĉu morgaŭ estos bela tago ?*
*Ĉu morgaŭ vi legos libron ?*
*Ĉu morgaŭ vi manĝos ?*

*Kiam estas vintro ?*
*Kiam estas printempo ?*
*Kiam vi suĉis vian fingron ?*
*Ĉu vi ankoraŭ suĉos vian fingron ?*

*Kiam brilas la steloj ?*
*Ĉu oni ĉiam vidas ilin ?*
*Ĉu vi ĉiam parolas laŭte ?*
*Ĉu vi neniam parolas tro rapide ?*

*Kiam vi preferas promeni ?* — ... matene.
*Kiam vi manĝas ?* — ...tagmeze.
*Kiam vi preferas kanti ?* — ...vespere.
*Kiam vi dormas ?* — ...nokte.

---

*Ĉu la geknaboj sidas hodiaŭ ?*
*Kie ili estas hodiaŭ ?*
*Ĉu ili sidas sur la planko ?*

*Ĉu Valdo ludas per akordiono ?*
*Kion rigardas Karlo ?*
*Kion tenas Karlo kaj Johanino ?*

*Kiel kantas Johanino hodiaŭ ?*
*Kio estas hodiaŭ ?*
*Kiuj kantas kaj muzikas hodiaŭ ?*

*Kiu ludas per citro ?*
*Ĉu Valdo havas ĉapelon ?*
*Ĉu ankaŭ Ernino kantas ?*

*Ĉu la forno estas granda ?*
*Ĉu la bildo pendas sur la muro ?*
*Ĉu la plumo staras sur la ĉapelo ?*

*Kiom da geknaboj kantas ?*
*Kie estas la benko ?*
*Kial hodiaŭ estas gaja tago ?*




*Hieraŭ* Johanino kaj Karlo salut*is* la geamikojn. Hieraŭ la gepatroj levis la brakojn. Hieraŭ la geknaboj donis la manojn. Ili vidis la belajn kostumojn. Hieraŭ Ernino havis belan ĉapelon kun ruĝaj floretoj. Valdo havis mallongan pantalonon. Johanino kaj Karlo portis dorsosakojn. Hieraŭ ĉiuj estis tre kontentaj, ili parolis ĝoje kaj multe.




*Morgaŭ* la geknaboj vojaĝos. Ili vojaĝos per glitveturilo ; la ĉevaloj kuros rapide. Morgaŭ neĝos ; estos neĝo sur la tero. La glitveturilo iros silente. La ĉevaloj portos sonoriletojn sur la dorso ; tintetos la sonoriletoj. Morgaŭ Johanino kaj Karlo havos varmajn kostumojn ; ili sidos kaj rigardos la blankan pejzaĝon. Morgaŭ ili vojaĝos *tra* la Balkanoj. Ilia vojaĝo estos interesa kaj longa.

*Kiuj salutIS la geamikojn hieraŭ ?*
*Kiuj levis la brakojn hieraŭ ?*
*Kiuj estis kontentaj hieraŭ ?*
*Kia estis la ĉapelo de Ernino ?*
*Kia estis la pantalono de Valdo ?*
*Kion portis Karlo hieraŭ ?*
*Kion vidis la geknaboj hieraŭ ?*
*Kion donis la geknaboj hieraŭ ?*
*Kiel ĉiuj parolis hieraŭ ?*
*Kia estis la kostumo de Valdo ?*
*Kion li havis sur la ĉapelo ?*
*Kion Ernino havis sur la ĉapelo?*
*Ĉu la montoj estis grandaj ?*
*Ĉu estis bovino sur la kamparo ?*
*Ĉu oni vidis akvo-falon ?*
*Ĉu ankaŭ la hundo vizitis Tirolon ?*
*Ĉu Karlo havis ĉapelon ?*
*Kie estis la gepatroj de la tirolaj amikoj ?*

---

*Ĉu la geknaboj vojaĝOS morgaŭ ?*
*Ĉu ili sidos en glitveturilo ?*
*Ĉu la ĉevaloj kuros rapide ?*
*Ĉu estos neĝo sur la tero morgaŭ ?*
*Kiel kuros la ĉevaloj ?*
*Kion portos la ĉevaloj sur la dorso ?*
*Kion rigardos la geknaboj ?*
*Kiajn kostumojn ili havos ?*
*Ĉu neĝos morgaŭ ?*
*Kiuj sidos en la glitveturilo ?*
*Kiuj tiros la glitveturilon ?*
*Kiuj rigardos la pejzaĝon ?*
*Ĉu ili vojaĝos tra la Balkanoj ?*
*Ĉu ilia vojaĝo estos interesa ?*
*Kiam estos neĝo sur la tero ?*
*Kio estos sur la kapo de Johanino ?*
*Kiom da ĉevaloj tiros la veturilon ?*
*Kiom da personoj sidos en la veturilo ?*
*Kiam ili vojaĝos ?*
*Kiam la geknaboj havos varmajn kostumojn ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)

STELETO

ho ho!



Spi-te al land-lim', Fra-toj es-tu ni kaj
de nur sen tim' Nu, man-pre-mu ni.

REKANTAĴO

Kan-tu ti-a la la Ti-o la ho la ho So-nu ti-
-a la la Ti-o la ho la ho Di-ru ja la la la
MALRAPIDE
ste-le-to ho la ho ver-da ja la la la Bri-lu sen fin'.

Hieraŭ Johanino kaj Karlo alvenis. Hodiaŭ ili sidas en la komuna ĉambro kun la tirolaj geamikoj ; ili kantas ĝoje. La patro fumas per longa ligna pipo kaj la patrino kudras ; oni ne vidas ilin sur la bildo. Antaŭ-hieraŭ Karlo kaj Johanino konis ilin nur per korespondado ; hodiaŭ, ili kunsidas. Morgaŭ la geknaboj veturos per glitveturilo ; tiam ili renkontos novajn amikojn, ĉar neniam mankas amikoj por esperantistoj, sed ili neniam forgesos la karajn tirolajn amikojn.

---

*Kiam Johanino kaj Karlo alvenis ?*
*Kie ili sidas ?*
*Kion faras la patro ?*
*Kio ne mankas por esperantistoj ?*
*Ĉu ili staras hodiaŭ ?*
*Kiel ili kantas ?*
*Kiuj veturos morgaŭ ?*
*Kiajn amikojn ili renkontos ?*

---

*Kiujn oni ne vidas sur la bildo ?*
*Kia estas la pipo de la patro ?*
*Kiel veturos la geknaboj morgaŭ ?*
*Kiu fumas per longa pipo ?*
*Ĉu ili kunsidas hodiaŭ ?*
*Ĉu Valdo konas la muzikon ?*
*Kiuj neniam forgesos la tirolajn amikojn ?*
*Ĉu la geknaboj konis la tirolanojn antaŭ la vojaĝo ?*

# *ESPERANTO*

## DEK DUA LECIONO

*Simio al simio plaĉas. pli ol ĉio.*

12

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Por lernigi la tagojn de la semajno, vi faros demandojn : Ĉu hodiaŭ estas... ? Ĉu hieraŭ estis... ? Ĉu antaŭ-hieraŭ... ? Ĉu post-morgaŭ... ? k.t.p.*

*Post tiu leciono la gelernantoj devus kapabli legi la horon sur horloĝo. Por faciligi la lernadon, ni konsilas al vi desegni grandan cirklon sur tabulo aŭ kartono. El kartono vi tranĉu du montrilojn (granda kaj malgranda) ; per najleto vi fiksu ilin ĉe la centro de la cirklo. Vi povos dividi la cirklon en 12 parloj, movigi la montrilojn kaj tiam daŭrigi la ekzercojn de la 46-a paĝo.*

*Atentu pri bona kompreno de la —as, —is, —os-tempoj, de nun utiligataj en la ekzercoj.*

## HORO






tuto



duono



kvarono



tri kvaronoj

Unu semajno konsistas el sep tagoj ;
**Lundo, mardo, merkredo, ĵaŭdo, vendredo, sabato, dimanĉo.**

La tero rondiras, ankaŭ la luno.
La luno rondiras ĉirkaŭ la tero.
Matene la hundo kuris ĉirkaŭ la sako.

# KIOMA HORO ?

La malgranda montrilo estas inter 1 kaj 2. La granda montrilo estas sur :

*kvarono*



3. Estas la unua kaj kvarono aŭ estas kvarono *post* la unua. Unu kvarono konsistas el 15 minutoj.

*duono*



6. Estas la unua kaj duono aŭ estas duono post la unua.
Unu duono konsistas el 30 minutoj.

*trikvarono*



9. Estas la unua kaj tri kvaronoj aŭ estas tri kvaronoj post la unua.
Tri kvaronoj konsistas el 45 minutoj.

Unu jaro konsistas el 12 monatoj.
Unu monato konsistas el 30 aŭ 31 tagoj.
Unu tago konsistas el 24 horoj.
Unu horo konsistas el 60 minutoj.
Unu minuto konsistas el 60 sekundoj.

## -ONO

30 estas la du*ono* de 60.
15 estas la duono de 30.
La dekono de 100 estas 10.
La triono de 9 estas 3.

## -OBLO

60 estas la du*oblo* de 30.
30 estas la duoblo de 15.
La dekoblo de 10 estas 100.
La trioblo de 3 estas 9.

*Kio rondiras ĉirkaŭ la tero ?*
*Kiu kuris ĉirkaŭ la sako ?*
*Kiuj vojaĝas ĉirkaŭ la mondo ?*
*EL KIOM DA sezonoj konsistas unu jaro ?*
*Ĉu vi bonvolas nomi la sezonajn ?*
*Ĉu vi bonvolas nomi la monatojn ?*
*El kiom da tagoj konsistas unu semajno ?*
*Ĉu vi bonvolas nomi la tagojn ?*

*Kioma horo estas nun ?*
*Ĉu kvaronhoro konsistas el 15 minutoj ?*
*El kiom da monatoj konsistas unu jaro ?*
*Ĉu hodiaŭ estas dimanĉo ?*
*Ĉu morgaŭ estos lundo ?*

*Kioma horo estas nun ?*
*Ĉu duonhoro konsistas el 30 minutoj?*
*El kiom da tagoj konsistas unu monato ?*
*Ĉu hieraŭ estis ĵaŭda ?*
*Ĉu antaŭhieraŭ estis sabato ?*

*Kioma horo estas nun ?*
*Ĉu tri kvaronhoroj konsistas el 45 minutoj ?*
*El kiom da horoj konsistas unu tago ?*
*Ĉu morgaŭ estos lundo ?*
*Ĉu postmorgaŭ estos mardo ?*

*Kioma jaro estas nun ?*
*Kioma tago de la semajno estas hodiaŭ ?*
*Kiom da tagoj estas en unu semajno ?*
*Kiom da jaroj estas en unu jarcento ?*

---

*Ĉu 60 estas la duono de 120 ?*
*Ĉu 1 estas la duono de 2 ?*
*Kiom estas la triono de 9 ?*
*Kiom estas la sesono de 12 ?*
*Kiom estas la centono de 1.000 ?*

*Ĉu 100 estas la duoblo de 50 ?*
*Ĉu 124 estas la duoblo de 62 ?*
*Kiom estas la sesoblo de 2 ?*
*Kiom estas la kvindekoblo de 2 ?*
*Kiom estas la kvaroblo de 8 ?*



Je la sesa horo, la vekhorloĝo sonoris. Karlo saltas *el* la lito. Nia amiko ĉiam frue vekiĝas. Matene li ne ŝatas resti en la lito. Karlo kaj la hundo kune promenos sur la kamparo. Je la sepa horo, Johanino kaj Karlo matenmanĝos kune. Ankaŭ la hundo manĝos ; ĝi manĝos supon. Karlo ŝatas ĉokoladon kun lakto por la matenmanĝo sed Johanino preferas kafon kun lakto. La hundo estas kontenta ĉar ĝi ŝatas promeni sur la kamparo.



1 policisto *plus* 1 policisto estas 2 policistoj. 2 anasoj plus 1 anaso estas 3 anasoj. 3 anasoj *minus* 1 anaso estas 2 anasoj. 10 minus 3 estas 7. 4 plus 6 estas 10.

# -OPE

La policistoj biciklas du*ope ;* la anasoj marŝas triope ; la hirundoj flugas duope. La gelernantoj iras al la lernejo multope kaj lernas kuraĝe. La policistoj biciklas rapide ; la hirundoj flugas rapide sed la anasoj marŝas malrapide.

*Ĉu la vekhorloĝo sonoris ?*
*Je kioma horo la vekhorloĝo sonoris?*
*Ĉu Karlo saltas el la lito ?*
*Kiam Karlo vekiĝas ?*
*Ĉu li ŝatas resti en la lito ?*
*Ĉu ankaŭ la hundo vekiĝas ?*

*Ĉu la knabo kaj la hundo kune promenos ?*
*Kie ili promenos ?*
*Je kioma horo Karlo malenmanĝos ?*
*Ĉu Karlo preferas ĉokoladon ?*
*Ĉu Johanino ŝatas kafon ?*
*Kion manĝos la hundo ?*

*Kio estas sur la tablo ?*
*Kio staras sur la planko ?*
*Ĉu estas tapiŝo apud la lito ?*
*Ĉu estas kurtenoj ĉe la fenestro ?*
*Kiom da kurtenoj estas ĉe la fenestro ?*
*Kia estas la hundo ?*

*Kial la hundo estas kontenta ?*
*Kie staras la sako ?*
*Kiu saltas el la lito ?*
*Kiu kuras en la ĉambro ?*
*Kiam Karlo frue vekiĝas ?*
*Ĉu la vekhorloĝo ankoraŭ sonoras ?*

*Kiom estas 1 plus 1 ?*
*Kiom estas 10 plus 30 ?*
*Kiom estas 30 minus 3 ?*
*Kiom estas 100 minus 99 ?*

*Ĉu 3 anasoj plus 2 birdoj estas 5 bestoj ?*
*Ĉu 1 biciklo plus 1 biciklo estas 2 bicikloj ?*
*Ĉu la policistoj havas belajn biciklojn ?*
*Ĉu ili biciklas rapide ?*

*Ĉu la policistoj biciklas duope ?*
*Ĉu la anasoj marŝas triope ?*
*Ĉu la hirundoj flugas duope ?*
*Ĉu la geknaboj vojaĝas duope ?*

*Kiel biciklas la policistoj ?*
*Kiel flugas la hirundoj ?*
*Kiel marŝas la anasoj ?*
*Kiel lernas la gelernantoj ?*

*Kiomope marŝas la anasoj ?*
*Kiomope flugas la hirundoj ?*
*Kiomope biciklas la policistoj ?*
*Kiuj iras multope al la lernejo ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)





Antaŭ kelkaj tagoj ili estis en Tirolo. Hodiaŭ ili vojaĝas tra la Balkanoj. Post kelkaj tagoj ili estos en Moskvo. La kondukisto sidas sole kaj la geknaboj sidas duope. Vespere ili estos lacaj. Tiam ili trinkos varman kafon kaj ili bone ripozos en dolĉaj litoj.

Ili estas en Moskvo. Antaŭ du tagoj ili alvenis. Post kelkaj minutoj ili vojaĝos per granda aviadilo. La amiko Johano el Moskvo akompanis ilin ĝis la aviadilejo. Karlo diras « Dankon ! », li dankas Johanon. Per la maŝino la geknaboj vojaĝos ĝis Ĉinio. Johanino ne timas, ĉar ŝi estas tre kuraĝa.

---

*Kiam ili estis en Tirolo ?*
*Kie ili vojaĝas ? Kiel ili vojaĝas ?*
*Kiam ili estos en Moskvo ?*
*Kiu sidas sole ? Kiuj sidas duope ?*
*Kion ili trinkos ? Kie ili ripozos ?*

*Kie estas la geknaboj ?*
*Kiam ili alvenis ?*
*Kiam ili vojaĝos per aviadilo ?*
*Kiu akompanis ilin al la aviadilejo ?*
*Ĉu la vojaĝo estos longa ?*

---

*Ĉu neĝo falas de la ĉielo ?*
*Ĉu neĝas aŭ pluvas ?*
*Kia estas la vetero ?*
*Ĉu la vetero estas varma ?*
*Dum kiom da tagoj ili vojaĝos ?*

*Ĉu aviadilo estas preta ?*
*Ĉu ankaŭ Karlo estas preta ?*
*Kion diras Karlo ?*
*Ĉu li dankas Johanon ?*
*Kiel vojaĝos la geknaboj ?*

---

*Kiel sidas la geknaboj ?*
*Kiaj ili estos vespere ?*
*Kiel kaj kie ili ripozos ?*
*Kiu kondukas la glitveturilon ?*

*Kia estas la aviadilo ?*
*Kiu ne timas ?*
*Kial ŝi ne timas ?*
*Kia estas Karlo ?*
*Ĉu Moskvo estas granda urbo ?*

# *ESPERANTO*

## DEK TRIA LECIONO

*Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante*
*Ni iru la vojon celitan !*

13

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Aldonu pliajn ekzercojn pri « ĉiu » kaj « ĉiuj » : Ĉiu lernanto havas libron, ĉiuj sidas, ĉiu demandos, ĉiuj respondos. Pri la kondiĉa konjugacio vi rimarkigu la rilaton « se » « —us ». Aldonu ekzemplojn pri « ano » de via urbo kaj provinco ; ankaŭ pri « estro ».*

*Post utiligado de la du internoj paĝoj de tiu ĉi leciono, vi donu klarigojn pri la verbofinaĵo « —u », kaj tiam okazigu relernadon de la adjektivoj : mia, via, ŝia, lia, k.t.p.*

*La lernantoj, unu post to alio, iĝos estro kaj ordonas : donu vian libron, montru la fenestron, montru lian..., vian..., mion krajonon, kajeron, k.t.p. La demandito respondas : mi donas vion... ; mi montras lian..., ŝian..., vian..., k.t.p.*

---

## URBO





Nenio estas sur la tablo. Ĉio estas en la ŝranko. Kiam ĉio estos sur la tablo, tiam ili manĝos. Post kelkaj minutoj *ĉiu* havos teleron kaj ĉiuj manĝos ĉar ili malsatas. Pro la atendo. la hundo estas malkontenta.

*Kio estas en la ŝranko ?*
*Kiom da kolbasoj pendas en la ŝranko ?*
*Kiom da tranĉiloj kuŝas en la ŝranko ?*
*Ĉu ĉio estas en la ŝranko ?*
*Kio estas sur la tablo ?*
*Ĉu la geknaboj sidas ĉe la tablo ?*

*Kion flaras la hundo ?*
*Ĉu la botelo staras APUD la kolbasoj ?*
*Kiuj sidas sur seĝoj ?*

*Kiam ili manĝos ?*
*Kial ili devas atendi ?*
*Ĉu la tranĉilo kuŝas apud la pano ?*

*Ĉu la hundo staras inter la tablo kaj la ŝranko ?*
*Kial la hundo estas malkontenta ?*
*Ĉu tiu hundo malsatas ?*

# -US

Se est*us* supo sur la tablo, la geknaboj manĝus. Se la hundo povus, ĝi manĝus la kolbasojn. Se ĉiu homo lernus Esperanton, ĉiu povus havi amikojn sur la tuta tero.

*Se la supo estus sur la tablo, ĉu ili manĝus ?*
*Se la hundo povus, ĉu ĝi manĝus ?*
*Se ĉio estus sur la tablo, ĉu la ŝranko estus plena ?*
*Se la homoj lernus Esperanton, ĉu ili havus amikojn sur la tuta tero ?*

---



En la ŝranko estas nenio. *Ĉio* estas sur la tablo. *Ĉiu* havas teleron kaj komencas manĝi ; sed la supo estas varmega. Se la supo ne estus varmega, ili ĝin manĝus. La geknaboj manĝas panon. La hundo estas malkontenta *pro* la varmeco de la supo. Antaŭ kelkaj minutoj ĉio estis en la ŝranko : nun ĉio estas sur la tablo ; post kelkaj minutoj ĉio estos en la stomakoj. Estas vespere ; ĉiuj vespermanĝas.

*Ĉu ili ankoraŭ atendas?* — ...ne plu...
*Kio estas en la ŝranko ?*
*Ĉu ĉio estas sur la tablo ?*

*Ĉu ĉiu havas teleron ?*
*Kiom da teleroj ĉiuj havas ?*
*Kiuj komencas manĝi ?*

*Antaŭ kiom da minutoj ĉio estis en la ŝranko ?*
*Post kiom da minutoj ĉio estos en la stomakoj ?*

*Ĉu estas matene ?*
*Kia estas la supo ?*
*Ĉu la botelo staras apud la pano ?*

*Kie estas la telero de la hundo ?*
*Kiom da kolbasoj estas sur la tablo ?*
*Kie sidas la geknaboj ?*

*Ĉu la hundo manĝus se la supo estus varmeta ?*
*Kion manĝas Karlo ?*
*Ĉu ili vespermanĝas ?*










Tiu homo loĝas en la nordo ; tiu homo estas nord*ano*. En Tirolo vivas la tirolanoj. Sur la kamparo laboras la kamparano. En la urbo loĝas la urbanoj. En la vilaĝo loĝas la vilaĝanoj. En Parizo loĝas la parizanoj. Sur la tero loĝas la teranoj. Membro de familio estas familiano. La nordano havas varman kostumon. La tirolano havas ĉapelon kun plumo. La kamparano laboras per forkego.

*Kie loĝas la nordano ?*
*Kie vivas la tirolanoj ?*
*Kie laboras la kamparano ?*
*Kia estas la kostumo de la nordano ?*
*Kion oni vidas sur la ĉapelo de la tirolano ?*
*Kion tenas la kamparano ?*
*Ĉu la mantelo de la nordano estas dika ?*
*Ĉu la pantalono de la tirolano estas longa ?*
*Ĉu la kostumo de la kamparano estas eleganta ?*
*Ĉu vi vidis afrikanon ?*
*Ĉu Karlo renkontis amsterdamanon ?*
*Ĉu ankaŭ la kamparaninoj laboras en kamparo ?*
*Ĉu la tirolaninoj vivas en Tirolo ?*
*Kie loĝas la nordaninoj ?*
*Kie loĝas la afrikaninoj ?*
*Ĉu Karlo estas urbano aŭ vilaĝano ?*

---










Estro de urbo estas urbestro. Estro de ŝipo estas ŝipestro. Estro de respubliko estas respublikestro. La muzikestro gvidas per bastoneto. La ŝipestro gvidas la ŝipon sur la maro. La urbestro prezidas ceremoniojn. Ĉiuj estroj gvidas kaj ordonas. La vilaĝanoj havas vilaĝestron. *Pro* mallerta muzikestro oni dormas. La ŝipo dronas pro mallerta ŝipestro. Se ne estus muzikestro, la muzikistoj ne povus bone muziki. La urbestro havas cilindran ĉapelon. La muzikestro havas longajn harojn.

*Ĉu tiu ĉi muzikestro havas ĉapelon ?*
*Kiel li gvidas la muzikistojn ?*
*Ĉu oni dormas pro mallerta muzikestro ?*
*Kial la ŝipestro rigardas la maron ?*
*Kion li gvidas ?*
*Ĉu ankaŭ li gvidas per bastoneto ?*
*Ĉu tiu ĉi urbestro havas cilindran ĉapelon ?*
*Kion prezidas la urbestro ?*
*Ĉu la urbestro havas elegantan kostumon ?*
*Kiuj gvidas kaj ordonas ?*
*Ĉu la ŝipo dronas pro mallerta ŝipestro ?*
*Kiaj estas la haroj de la muzikestro?*
*Kiom da estroj staras sur la bildo ?*
*Kiu estas urbestro de via urbo ?*
*Ĉu vi estas estro ?*
*Ĉu la muzikistoj povus bone muziki, se ne estus muzikestro ?*
*Ĉu la maristoj povus bone gvidi ŝipon, se ne estus ŝipestro ?*
*Ĉu ekzistas urbestrinoj ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)






*En Ĉinio.* — En Pekino, la juna amiko Jukio montras la grandan pordegon. La geknaboj ne parolas la ĉinan lingvon. Ili ne povas legi eĉ unu vorton sed ili petas Jukion ke li traduku ĉion. Afable li konsentas. Jukio estas ano de la pekina Esperanto-rondo. La geknaboj lernas multe pri la moroj kaj la kutimoj de Ĉinio.

*En Japanio.* — Nun la geknaboj vizitas Tokion per tirĉaretoj. Ili atente rigardas, ĉar ĉio estas nova por ili. Johanino portas sunombrelon, Karlo montras japanan tekston. Du viglaj viroj tiras la veturiletojn kaj kuretas. Niaj amikoj multe ĝojas pro la tirĉaretoj. Ili ne komprenas eĉ unu signon de la japana skribo.

---

*Kion montras Jukio ?*
*Pri kio lernas la geknaboj ?*
*Ĉu ili komprenus Jukion, se ili ne estus esperantistoj ?*

*Kiel ili vizitas Tokion ?*
*Kial ili ĝojas ?*
*Ĉu ĉiuj portas sunombrelon ?*
*Kio estas nova por ili ?*
*Kiom da viroj kuretas ?*

---

*Kiu tradukas la ĉinajn vortojn ?*
*Kiuj loĝas en Pekino ?*
*Kia estas la pordego ?*
*Kion lernas la geknaboj ?*

*Kie estas Tokio ?*
*Kiel ili rigardas ?*
*Kial ili atente rigardas ?*
*Kion montras Karlo ?*

---

*Ĉu la geknaboj petas Jukion ?*
*Ĉu Jukio konsentas traduki ?*
*Kiom da ĉinaj vortoj ili komprenas ?*
*Ĉu Jukio parolas Esperanton ?*

*Kion tiras la viroj ?*
*Kion portas Johanino ?*
*Kiaj estas la viroj ?*
*Ĉu ili vigle tiras ?*
*Kiom da signoj komprenas la geknaboj ?*



# ESPERANTO

## DEK KVARA LECIONO

*Ofte ĉapo de kampulo kovras*
*kapon de saĝulo.*

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Post lernado de la novaj vortoj, vi aldonu ekzercojn pri la respondaj radikaj verboj : « Ĉu oni balaus per balailo ? » « Ĉu oni razas per razilo ? » k.t.p. Por alkutimigi la gelernantojn al vortfarado, vi povas demandi : « Kion faras balaisto per balailo ? » « Per kio kudras kudristino ? ».*

*Dum la lernado de la pronomo « si » kaj de la adjektivo « sia », vi povas aldoni praktikajn ekzercojn : « ...kombas siajn harojn, ...rigardas sin en speguleto, ...fermas sian kajeron, ...montras sian, vian, lian, ŝian krajonon, k.t.p. »*

*Vi povas aldoni pliajn demandojn post legado de « la aventuroj » por rememorigi kaj utiligi ĉiujn demand-vortetojn*

*Pri « formeti » kaj « surmeti », vi okazigu ekzercadon. Lernanto ordonas : « — Surmetu vian ĉapon, formetu vian... » Alia lernanto gestas kaj respondas : « Mi surmetas..., mi formetas... » Tria lernanto povas ankaŭ partopreni : « Li surmetis sian... ; ŝi formetis sian... k.t.p. »*

---

## ILOJ






kombilo — korktirilo — razilo — muelilo






segilo — prenilo — balailo — hakilo



Vespere Karlo lavas *sin*. Li lavis *sian* kapon ; nun li lavas sian korpon per malvarma akvo kaj sapo. Poste li lavos siajn dentojn per broseto. Karlo ne razos sin, ĉar li ankoraŭ ne havas barbon. Poste li viŝos sin per seka tualettuko. La hundo banas sin. Ĝi banas sian korpon en metala kuvo. Ĝi estas kontenta kvankam ĝia kuvo estas tro malgranda. Karlo kaj la hundo faras sian tualeton.



Matene Johanino lavis *sin*. Nun ŝi kombas siajn harojn per broso kaj kombilo. Ŝi rigardas *sian* vizaĝon en la spegulo. Ŝi tenas sian broson per la maldekstra mano. Ŝia rubando kuŝas sur la tablo. Ŝia parfumboteleto staras sur la tablo. Ŝi tenas sian kombilon per la dekstra mano, ŝi kombas sin. Siaj spegulo, rubando kaj parfumboteleto estas sur la tablo.
La geknaboj lavis sin. Ili ofte lavas sin.

*Ĉu estas matene ?*
*Kion faras Karlo ?*
*Kiun lavas Karlo ?*

*Kion li lavis ?*
*Ĉu Karlo lavas sin per akvo ?*
*Kia estas la akvo ?*

*Ĉu Karlo razos sin ?*
*Kial li ne razos sin ?*
*Kiel li viŝos sin poste ?*

*Ĉu Karlo lavos siajn dentojn ?*
*Ĉu vi vidas lian dentobroson ?*
*Ĉu li tenas sian sapopecon ?*

*Ĉu lia lavejo estas praktika ?*
*Ĉu lia barbo estas longa ?*
*Kiu lavis sian kapon ?*

*Ĉu la hundo banas sin ?*
*Kie la hundo banas sin ?*
*Ĉu ĝi faras sian tualeton ?*

*Kiuj faras sian tualeton ?*
*Kiu estas en la malgranda kuvo ?*
*Kiu staras sur la tapiŝeto ?*

*Kion tenas Karlo ?*
*Ĉu la glaso staras ?*
*Ĉu la homo kaj la besto estas puraj ?*

---

*Ĉu estas vespere ?*
*Kion rigardas Johanino ?*
*Kiun kombas Johanino ?*

*Kion ŝi tenas per la dekstra mano ?*
*Kion ŝi tenas per la maldekstra mano?*
*Kion ŝi kombas ?*

*Kion ni vidas en la spegulo ?*
*Kion ŝi vidas en la spegulo ?*
*Kio staras sur la tablo ?*

*Kio kuŝas sur la tablo ?*
*Per kia mano ŝi kombas sin ?*
*Kie staras la knabino ?*

*Kiuj lavis sin ?*
*Kiujn ni vidas sur la bildo ?*
*Ĉu ŝi lavis sin matene ?*

*Ĉu Karlo lavas la hundon ?*
*Ĉu Johanino lavas Karlon ?*
*Ĉu oni ofte lavas kaj kombas sin ?*



*Li parolas :* « Mi montras mian novan kaskedon kaj ŝi montras sian belan tulipon ».
*Ŝi parolas :* « Mi montras mian belan tulipon kaj li montras sian novan kaskedon ».
Karlo montras sian novan kaskedon per la mano. Johanino tenas sian belan tulipon per la mano.
*Ŝi parolas :* « Mi montras lian novan kaskedon kaj li montras mian belan tulipon ».



*Li parolas* : « Mi montras ŝian belan tulipon kaj ŝi montras mian novan kaskedon »
Ŝi tenas lian novan kaskedon per la mano kaj li tenas ŝian belan tulipon ankaŭ per la mano.




1. La hundo rigardas sian dometon ; ĝi staras *antaŭ* la dometo ; ankaŭ la kateto rigardas la hundan dometon ; ĝi sidas *malantaŭ* la dometo.
2. En la dometo ni vidas pajlon ; la hundo staras kaj la kateto kuŝas ; *ambaŭ* estas *ekstere.*
3. La hundo estas en sia dometo ; nun ĝi kuŝas sur la pajlo. La kateto sidas en la hunda dometo ; ambaŭ estas *interne.*

*Kion montras Karlo ?*
*Kion montras Johanino ?*
*Ĉu Karlo montras sian kaskedon ?*
*Ĉu Johanino montras sian tulipon ?*
*Kiel ŝi montras sian betan tutipon ?*
*Kiet ti montras sian novan kaskedon ?*
*Ĉu ŝi tenas sian tulipon per la mano?*
*Ĉu li montras sian kaskedon per la mano ?*
*Kiu montras sian novan kaskedon ?*
*Kiu montras sian belan tutipon ?*
*Kiu tenas sian tulipon ?*
*Kiu SURMETIS sian novan kaskedon ?*
*Kian kaskedon Karto surmetis ?*
*Kian tutipon Johanino montras ?*

*Kion montras Karlo ?*
*Kion montras Johanino ?*
*Ĉu Karlo montras ŝian tulipon ?*
*Ĉu Johanino montras lian kaskedon?*
*Kies kaskedon ŝi montras ?*
*Kies tulipon li montras ?*
*Kiel ŝi montras lian kaskedon ?*
*Kiel li montras ŝian tutipon ?*
*Kian kaskedon Johanino montras ?*
*Kian tulipon Karlo montras ?*
*Ĉu Karto FORMETIS sian kaskedon ?*
*Ĉu Johanino formetis sian rubandon ?*
*Kiu formetis sian rubandon vespere?*
*Kiu surmetis sian rubandon matene?*

---

*1*

*Kion rigardas ta hundo ?*
*Kie sidas la kateto ?*
*Ĉu la hundo rigardas sian dometon ?*
*Kies dometon ta kateto rigardas ?*

*2*

*Kie estas ambaŭ bestoj ?*
*Ĉu ili staras interne ?*
*Kion ni vidas en la hunda dometo ?*
*Ĉu la hundo staras antaŭ la dometo ?*

*3*

*Kie estas ambaŭ bestoj ?*
*Ĉu la hundo kuŝas en sia dometo ?*
*Ĉu ta kateto kuŝas en sia dometo ?*
*Kies dometo ĝi estas ?*



Elefanto estas *pli* granda *ol* ĉevalo. Muso estas *malpli* granda *ol* testudo. Ĉevalo marŝas pli rapide ol muso. Testudo iras malpli rapide ol elefanto. Elefanto estas unu el *la plej* grandaj bestoj. Muso estas unu el la plej malgrandaj bestoj. Muso estas unu el la plej malutilaj bestoj. Hundo estas la plej fidela el la bestoj..



La murhorloĝo sonoras pli bele ol la vekhorloĝo. La birdeto kantas pli bele ol la kokino, sed ovoj de kokino estas pli grandaj ol ovoj de birdeto. Vekhorloĝo funkcias *tiel* rapide, *kiel* murhorloĝo. Kokino ne kantas tiel bele, kiel birdeto. Mi studas tiel gaje, kiel mi ludas.



Estas 4 cigaroj, 4 alumetoj, 4 ĉerizoj, 3 floroj.
Estas *tiom da* cigaroj, *kiom da* alumetoj.
Estas tiom da ĉerizoj, kiom da cigaroj.
Ne estas tiom da floroj, kiom da ĉerizoj.
Estas *pli da* ĉerizoj *ol da* floroj.
Estas *malpli da* floroj *ol da* cigaroj.
Mia dekstra mano havas tiom da fingroj, kiom la maldekstra.

*Kia estas elefanto?*
*Kia estas muso?*
*Kiel marŝas ĉevalo?*
*Kiel iras testudo?*

*Kiu besto estas pli granda ol ĉevalo?*
*Kiu besto estas malpli granda ol testudo?*
*Kiu estas unu el la plej grandaj bestoj?*
*Kiu estas unu el la plej malutilaj bestoj?*

*Ĉu hundo estas la plej fidela besto?*
*Ĉu kato estas pli ruza ol ŝafo?*
*Ĉu piro estas pli bona ol karoto?*
*Ĉu kuko estas malpli bona ol pano?*

---

*Ĉu tiu murhorloĝo sonoras pli bele ol la vekhorloĝo?*
*Ĉu la vekhorloĝo funkcias tiel rapide, kiel la murhorloĝo?*
*Ĉu la kokino kantas malpli bele ol la birdeto?*
*Ĉu la birdeto flugas pli rapide ol la kokino?*

*Kiel sonoras la vekhorloĝo?*
*Kiel kantas la birdeto?*
*Ĉu vi studas tiel gaje, kiel vi ludas?*
*Ĉu vi kuras tiel rapide, kiel ĉevalo?*
*Ĉu ovoj de kokino estas pli grandaj ol ovoj de birdeto?*

---

*Kiom da cigaroj estas en la cigarujo?*
*Kiom da ĉerizoj estas en la glaso?*
*Ĉu estas pli da alumetoj ol da cigaroj?*
*Ĉu estas tiom da floroj, kiom da ĉerizoj?*
*Ĉu la dekstra mano havas tiom da fingroj, kiom la maldekstra?*
*Ĉu estas tiom da lernantinoj, kiom da lernantoj en la klaso?*
*El kiom da floroj konsistas la bukedo?*
*Ĉu vi pli ŝatas fumi ol manĝi?*
*Ĉu vi pli ŝatas ĉerizojn ol cigarojn?*



Karlo estas pli granda ol Niko. Niko estas pli granda ol Johanino. Johanino estas pli granda ol la knabineto. La hundo estas pli granda ol la sitelo. La kato estas malpli granda ol la sitelo.
La kato estas la plej malgranda ; ĝi kaŝas sin malantaŭ la sitelo. Karlo estas la plej granda. La ŝuoj de la knabineto estas la plej grandaj. La haroj de Johanino estas la plej belaj.

*Kiu estas pli granda ol Niko ?*
*Kiu estas malpli granda ol Niko ?*
*Kiu estas pli malgranda ol la hundo ?*
*Kiuj estas pli grandaj ol la kato ?*

*Kiu estas la plej malgranda ?*
*Kiu estas la plej granda ?*
*Kiu estas la plej granda knabino ?*
*Kiu estas la plej granda knabo ?*

*Kies ŝuoj estas la plej grandaj ?*
*Kies haroj estas la plej belaj ?*
*Kiom da homoj estas sur la bildo ?*
*Kiom da objektoj staras ?*

*Ĉu la malgranda kato kaŝas sin ?*
*Ĉu Karlo tenas sian foto-aparaton ?*
*Ĉu Johanino staras apud Niko ?*
*Ĉu la hundo staras aŭ sidas ?*

---



La kato staras sur la tablo. Ankaŭ la inkujo kun la plumo staras sur la tablo. La kaĝo pendas *super* la tablo. La birdeto estas en la kaĝo. La kato skuas la kaĝon. Tra la fenestro oni vidas la ĝardenon.

La kaĝo kuŝas sur la tablo. La birdeto flugas super la kaĝo en la ĉambro ; post kelkaj minutoj ĝi *for*flugos tra la fenestro al la ĝardeno. La inkujo kun la plumo falis ; ili kuŝas sur la planko. La ruza kato *for*kuris tra la fenestro. Ĉiuj bestoj estos for.

*Ĉu bestoj estas en la ĉambro ?*
*Kiu estas en la kaĝo ?*
*Kiu staras sur la tablo ?*
*Ĉu objektoj estas en la ĉambro ?*
*Kiu objekto pendas ?*
*Kiun objekton skuas la kato ?*
*Kion vi vidas tra la fenestro ?*
*Kie staras la inkujo ?*
*Kie staras la plumo ?*

*Ĉu la kaĝo falis de la plafono ?*
*Ĉu nun ĝi kuŝas sur la tablo ?*
*Ĉu la kato forkuris ?*
*Ĉu la birdeto estas ankoraŭ en la kaĝo ?*
*Kie flugas la birdeto ?*
*Kie kuŝas la inkujo ?*
*Kiam la birdeto forflugos ?*
*Kiuj bestoj estos for ?*
*Ĉu la inko fluis el la inkujo ?*
*Ĉu la birdeto flugis el la kaĝo ?*
*Kiom da objektoj kuŝas sur la planko ?*
*Ĉu tiu kato estas ruza ?*
*Ĉu tiu birdeto estas kontenta?*
*Ĉu tiu kaĝo estas malplena ?*
*Ĉu tiu planko estas malpura ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Sud-Ameriko.* — Post longa vojaĝo sur la plej granda maro, la geknaboj alvenis en Argentinio. La ŝipestro plej afable parolis al ili en Esperanto. Hodiaŭ ili rajdas sur belaj ĉevaloj, ili ŝajnas fieraj. Ankaŭ la sudamerikaj amikoj rajdas ; iliaj ĉevaloj estas pli rapidaj ol tiuj de la geknaboj. Unu sudamerikano ĵetis kaptoŝnuron por kapti sovaĝan ĉevalidon. La hundo renkontis serpenton. La serpento levas la kapon super la herbo ; la hundo tremas ; ŝajne, ĝi estas maltrankvila. Post unu momento ĝi forkuros tra la kamparo, tiel rapide kiel sovaĝa ĉevalido.

---

*Kie estas la geknaboj ?*
*Sur kia maro ili vojaĝis ?*
*Kie ili alvenis ?*
*Kiel parolis la ŝipestro ?*

*Kiaj estas iliaj ĉevaloj ?*
*Kiom da ĉevaloj estas sur la bildo ?*
*Kion renkontis la hundo ?*
*Kion faras la serpento ?*

---

*Ĉu la geknaboj sidas sur ĉevaloj ?*
*Ĉu ili marŝas aŭ biciklas ?*
*Kion jetis la sudamerika amiko ?*
*Kial la sudamerikano ĵetis kaptoŝnuron ?*

*Kia estas la hundo ?*
*Kiel forkuros la hundo ?*
*Kie ĝi forkuros ?*
*Ĉu la serpento levas la kapon ?*

---

*Kiuj ŝajnas fieraj ?*
*Kiuj rajdas sur rapidaj ĉevaloj ?*
*Kion kaptos la sudamerikano ?*
*Kial la serpento ne kaptos la hundon ?*

*Kiu levas la kapon ?*
*Kiu forkuros tra la kampoj ?*
*Kial la hundo forkuros ?*
*Kiam la hundo forkuros ?*




# *ESPERANTO*

## DEK SESA LECIONO

*Pli bona pano sen butero,*
*ol dolĉa kuko sen libero.*

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Post lernado de la novaj vortoj, aldonu nacilingvajn klarigojn antaŭ ol utiligi la ekzercojn pri « data » kaj « cela » akuzativoj. Aldonu kelkajn simplajn ekzemplojn : « La kato saltas sur la tablo » (ĝi estas jam sur la tablo) ; « la kato saltas sur la tablon » (ĝi ne estas sur la tablo, sed iras al ĝi)*

*Post redono de la korektita lasta tradukaĵo « unua poŝtkarto », la gelernantoj skribos eksterlanden. Se vi sekvis niajn konsilojn (11-a leciono) vi posedas respondendajn poŝtkartojn aŭ adresojn de eksterlandaj korespondemuloj. La teksto de la korektita tasko helpos ĉiujn por la redaktado.*

---

## NATURO KAJ VETERO

nubo
pluvo
fulmo-tondro
neĝo
monto
abio
glacio
kverko
edelvejso
akvo
herbo
kano
tendo
fajro
rivereto



Karlo *ĵus* ricev*is* longan leteron el Parizo. Li ĵus malfermis la koverton. Johanino ĵus legis la libron. Ŝi ĵus fermis ĝin kaj metas ĝin sur la tabl*on*. La knabo *tuj* leg*os* laŭte la leteron. Karlo komencas, li legas la daton : « Parizo, la kvar*an* de aprilo... »

Karlo havas korespondantojn *ĉie* en la mondo. Li jam posedas grandan kolekton da dokumentoj. Lia plej granda intereso estas por la kutimoj, la vivmanieroj de la homoj kaj teknikaj progresoj en la tuta mondo.



Karlo tuj respondos. Li petis al Johanino : « Bon*volu* alporti la inkujon kaj la plumon. » La knabino alportas ilin sur la tabl*on*. Ankaŭ ŝi parolas ; ŝi diras : « Ankaŭ mi skribos, sed nur venon*tan* semajn*on*, kiam ni vojaĝos en Sud-Afrikon, ĉar mi havos pli da tempo en la aviadilo ol nun. »

Ankaŭ Johanino havas korespondantojn ĉie en la mondo. Ŝi jam ricevis multajn belajn poŝtkartojn. Ŝi preferas korespondi *pri* naturscienco j ; ŝi kolektas florojn kaj insektojn. Ŝi ŝatas ankaŭ bildojn pri la homaj vestaĵoj kaj la modo en la tuta mondo.

*Kion Karlo ĵus ricevis ?*
*Kion li ĵus malfermis ?*
*Kion Johanino ĵus legis ?*
*Kien ŝi metas la libron ?*

*Kion la knabo tuj legos ?*
*Kiel li legas ?*
*Kion li legas por komenci ?*
*Bonvolu legi la daton.*

*Kie estas la geamikoj de Karlo ?*
*Kion Karlo jam posedas ?*
*Por kio estas lia plej granda intereso ?*
*Ĉu vi jam korespondas ?*
*En kiuj terpartoj vi ŝatus havi korespondantojn ?*
*Ĉu vi vojaĝus en Ĉinion, se vi povus ?*
*Ĉu vi jam iris en Parizon ?*

*El kiu urbo Karlo ricevis leteron ?*
*Kiu ĵus malfermis la koverton ?*
*Kiu legis la libron ?*
*Ĉu vi jam legis tiun libron ?*

---

*Ĉu Karlo tuj respondos ?*
*Kion li ĵus petis al Johanino ?*
*Kion alportas la knabino ?*
*Kion ŝi diras ?*

*Kiu skribos venontan semajnon ?*
*Kiam Johanino skribos ?*
*Kial ŝi skribos venontan semajnon ?*
*Kien ili vojaĝos ?*

*Kie estas ŝiaj korespondantoj ?*
*Kion ŝi jam ricevis ?*
*Pri kio ŝi preferas korespondi ?*
*Kion ŝi ankaŭ ŝatas ?*

*Ĉu vi interesiĝas pri sporto ?*
*Ĉu vi interesiĝas pri muziko ?*
*Ĉu vi legis pri Zamenhof ?*
*Pri kio legis Johanino ?*

*Pri kio Karlo korespondas ?*
*Pri kio vi ŝatus korespondi ?*
*Ĉu vi ŝatus kolekti poŝtkartojn ?*
*Ĉu vi pli ŝatus korespondanton aŭ korespondantinon ?*



Ŝafaro iras sur la granda herbejo. Granda arbaro estas apud la herbejo. Malproksime sur la monteto estas *alia* arbaro. La paŝtisto marŝas apud la ŝafaro kaj la hundo gvidas la ŝafaron. Estas multaj arboj en la arbaro. Sur la monteto, malproksime, ni vidas la alian arbaron kaj la veturileton de la paŝtisto. Tiu viro portas longan bastonon kaj li surmetis longan mantelon. La ŝafaro konsistas el dek-du ŝafoj.

Malproksime ni vidas ankaŭ nubojn. Fulmo-tondras. Ni vidas la fulmojn. Jam pluvas ; densa pluvo falas. Pro la fulmotondro, la paŝtisto iras for de la arbaro kun la ŝafaro.



Neĝas. Ĉio estas blanka. Multaj neĝeroj falas. Neĝero konsistas el multaj kristaloj. Neĝa kristalo aspektas tiel, kiel bela steleto. Multaj saleroj falas el la salujo. La moneroj falas el la monujo. Estas multegaj neĝeroj sur la montaro dum vintro. Estas multaj saleroj en la salujo, sed estas malpli da moneroj en la monujo.

Estas vintro. La domo estas blanka, la arbaro estas blanka, la herbejo estas blanka, ĉio estas blanka. Estas malvarme. Fajro brulas en ĉiu domo, malmultaj homoj iras eksteren.

*Kie iras la ŝafaro ?*
*Kio estas apud la herbejo ?*
*Kie estas la alia arbaro ?*
*Kie marŝas la paŝtisto ?*

*Kiuj gvidas la ŝafaron ?*
*Kiom da arboj estas en la arbaro ?*
*Kie estas la monteto ?*
*Kiu porlas longan baslonon ?*

*Kion ni vidas sur la monteto ?*
*El kiom da ŝafoj konsistas la ŝafaro ?*
*Ĉu la vetero estas bela ?*
*Kie estas la nuboj ?*

*Ĉu vi vidas la fulmojn ?*
*Ĉu vi aŭdas la tondron ?*
*Ĉu jam pluvas malproksime ?*
*Kia estas la pluvo ?*

*Ĉu la paŝtislo foriras ?*
*Ĉu ĉiuj iras for de la arbaro ?*
*Kial ĉiuj iras for ?*
*Kiu loĝas en la veturilelo ?*

*Kiom da bestoj estas sur la bildo ?*
*Kion surmetis la paŝlislo ?*
*Kia estas la mantelo ?*
*Kie estas la hundo ?*

---

*Ĉu neĝero konsislas el krislaloj ?*
*Kiel aspektas neĝa krislalo ?*
*Kiom da saleroj estas en la salujo ?*
*Kiom da moneroj estas en la monujo ?*
*Kiom da moneroj ni vidas ?*
*Kiom da neĝeroj eslas sur la domo ?*
*Ĉu la moneroj falas ?*
*Ĉu sablo konsistas el sableroj ?*

*Kio eslas blanka dum la vinlro ?*
*Ĉu estas varme dum la vintro ?*
*Ĉu multaj homoj iras eksteren ?*
*Kio brulas en ĉiu domo ?*

*Kio falas sur la domon ?*

*Ĉu neĝo falas sur la monlaron dum la vinlro ?*
*Ĉu la saleroj falas el la salujo ?*
*Ĉu la kamparo estas pli bela somere ol vintre ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)






*En Nord-Ameriko.* — Johanino kaj Karlo atingis la urbon de la film-farejoj. Esperantista film-faristo akompanas ilin. Tie oni ĵus komencis filmi scenon por komika filmo, kies ĉefa aktoro estas Karlo Ĉaplin. Multaj teknikistoj laboras per aparatoj ; ĉie pendas lampegoj kaj elektraj fadenoj kiujn oni ne rajtas tuŝi. Karlo rigardas la alian Karlon.

*En Nov-Jorko.* — Per helikoptero ili superflugas la nuboskrapulojn. La geknaboj rigardas tien kaj tien, demandas al la novjorka amiko pri ĉiuj konstruaĵoj. Ŝipoj estas en la haveno. Sur la stratoj homoj kaj aŭtomobiloj aspektas kiel polveroj. Sur insuleto staras la statuego pri « Libero ». Morgaŭ ili forflugos en Afrikon.

---

*Kiun urbon atingis la geknaboj ?*
*Kiu akompanas ilin ?*
*Kiun scenon oni filmas tie ?*
*Kiuj laboras per aparatoj ?*
*Kiun rigardas Karlo ?*

*Kiel ili superflugas Nov-Jorkon ?*
*Kien rigardas la geknaboj ?*
*Kio estas en la haveno ?*
*Kiel aspektas homoj kaj aŭtomobiloj ?*
*Kien ili forflugos morgaŭ ?*

---

*Kie oni filmas scenon ?*
*Kiom da teknikistoj laboras ?*
*Kie pendas elektraj lampegoj ?*
*Kion oni ne rajtas tuŝi ?*
*Ĉu la teknikistoj tuŝas la aparatojn ?*

*Ĉu nuboskrapuloj estas grandaj domoj ?*
*Kio staras sur la insuleto ?*
*Kiom da personoj superflugas ?*
*Pri kio demandas la geknaboj ?*
*Kiuj superflugas Nov-Jorkon ?*

---

*Kiajn fadenojn oni ne rajtas tuŝi ?*
*Ĉu Karlo tuŝas la fadenojn ?*
*Kian filmon oni faras ?*
*Kiu estas la ĉefa aktoro ?*
*Ĉu vi ŝatas vidi filmon de Ĉaplin ?*

*Kiom da ŝipoj estas en la haveno ?*
*Kiuj rigardas tien kaj tien ?*
*Ĉu ili forflugos en Afrikon ?*
*Kiam ili forflugos al Afriko ?*
*Ĉu la statuo pri « Libero » estas granda ?*

# *ESPERANTO*

## DEK SEPA LECIONO

*Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,*
*Atingos la celon en gloro.*

17

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Ekde tiu leciono ni konsilas, ke vi disdonu facilajn legaĵojn al la gelernantoj, por ke ili ekzerciĝu ekster la kurso. Se presita materialo mankas al vi, havigu al ĉiu specialan kajeron por diktaĵoj. Post ĉiu leciono diktu facilajn tekstojn, amuzajn rakontetojn, anekdotojn, elĉerpeblajn el « Unua Legolibro », « Facilaj Legaĵoj », k.t.p.*

*Por la lernado de la participoj, vi povas denove utiligi praktikan ekzemplon dum la kurso. Unu lernanto ordonas : « Iru al la pordo ». « Fermu la... ». « Malfermu la... ». Vi mem aŭ lernanto demandas : « Ĉu li estas fermanta la pordon ? ». « ...ferminta ? ». « ...malfermonta... ? ». « Kio estas fermata ? ». « ...ota ? ». « ...ita ? ».*

*Atentigu pri la diferenco inter « ebla » kaj « ema » : « La sinjorino estas manĝema, sed ne manĝebla ». « Bona pomo estas manĝebla, sed ne manĝema ». Aldonu pliajn demandojn pri la « aventuroj ».*

---

## BESTOJ EL VARMAJ LANDOJ


ĝirafo


leono


struto


simio


papago


krokodilo


fiŝo


tigro



kapt**onta** kapt**ota**

Karlo kapt*os* fiŝon ; li estas kapt*onta*. La fiŝo estas kapt*ota* ; Karlo kaptos ĝin. Karlo pensas : « Mi kuiros la fiŝon, mi estas kuironta, kaj mi manĝos la fiŝon, mi estas manĝonta. » La fiŝo ne pensas, sed ĝi estas kuirota kaj manĝota. La kapt*onto* sidas ; la kapt*oto* naĝas.



kapt**anta** kapt**ata**

Karlo kapt*as* fiŝon ; li estas kapt*anta*. La fiŝo estas kapt*ata* ; ĝin kaptas Karlo. Karlo staras ; li estas staranta. La fiŝo komprenas, ke ĝi estas kaptata ; ĝi ŝatus fornaĝi, sed ĝi ne povas. Karlo kompatas la kaptatan fiŝon.
La kapt*anto* staras ; la kapt*ato* pendas.



kapt**inta** kapt**ita**

Karlo kapt*is* fiŝon ; li estas kapt*inta*. La fiŝo estas kapt*ita* ; ĝin kaptis Karlo. Karlo denove sidas ; li estas sidanta. Li deziras kapti duan fiŝon. La kaptita fiŝo estas en la korbo. La korbo estas en la fluanta akvo de la rivero. La kapt*into* estas kontenta, la kapt*ito* ne !

*Ĉu Karlo kaptos fiŝon ?*
*Ĉu li estas kaptonta ?*
*Kion Karlo kaptos ?*
*Ĉu la fiŝo estas kaptota ?*

*Kion pensas Karlo ?*
*Ĉu li estas kuironta ?*
*Ĉu li estas ankaŭ manĝonta ?*
*Kiu estas kuironta kaj manĝonta ?*

*Kion kuiros kaj manĝos Karlo ?*
*Ĉu la fiŝo estas kuirota ?*
*Ĉu la fiŝo estas manĝota ?*
*Kiu estas kuirota kaj manĝota ?*

*Kiu sidas ? Kiu naĝas ?*

---

*Ĉu Karlo kaptas fiŝon ?*
*Ĉu li estas kaptanta ?*
*Kion Karlo kaptas ?*
*Ĉu la fiŝo estas kaptata ?*

*Kion faras Karlo ?*
*Ĉu li estas staranta ?*
*Ĉu la fiŝo estas ekster la akvo ?*
*Kiu estas kaptata ?*

*Kion kompatas Karlo ?*
*Kion ŝatus la fiŝo ?*
*Kial ĝi ne fornaĝas ?*
*Kiom da fiŝoj estas kaptataj ?*

*Ĉu la seĝeto falis sur la teron ?*
*Ĉu la kaptanto staras ?*
*Ĉu la kaptato pendas ?*
*Kiu eltiras la kaptaton ?*

*Kiu staras ? Kiu pendas ?*

---

*Ĉu Karlo kaptis fiŝon ?*
*Ĉu li estas kaptinta ?*
*Kion Karlo kaptis ?*
*Ĉu la fiŝo estas kaptita ?*

*Kion Karlo faras denove ?*
*Ĉu li estas sidanta ?*
*Kion deziras Karlo ?*
*Kie estas la korbo ?*

*Kia estas la akvo de la rivero ?*
*Kia estas la fiŝo ?*
*Kia estas la kaptinto ?*
*Kia estas la kaptito ?*
*Kiu kaptis ? Kiu estas en la korbo ?*



– onta  – anta  – inta
– ota  – ata  – ita

Pluvas. Johanino fermos la fenestron. Ŝi estas fermonta la fenestron. La pluvo falas en la ĉambron. La fenestro estas fermota.
Ŝi fermas la fenestron. La knabino estas fermanta la fenestron. La pluvo ne plu falos sur la plankon, ĉar la fenestro estas fermata.
Johanino fermis la fenestron. Ŝi estas ferminta la fenestron. La fenestro estas fermita. Nun, la knabino estas sidanta ; ŝi legas libron ; ŝi estas leganta. Johanino ĵus malfermis la libron ; ĝi estas malfermita.
Ŝi legas sid*ante* kaj lernas leg*ante*.



Ili estas manĝ*emaj*. Li estas ankaŭ trinkema, sed lia glaso estas rompita. Ŝi estas manĝema, sed ŝia pomo ne estas bona ; ĝi ne estas manĝebla. La tranĉilo de la sinjoro estas ferm*ebla*, sed tiu de la sinjorino ne estas fermebla.
Glaso estas el vitro ; ĝi estas vitraĵo. Vitraĵo estas facile rompebla. La glaso falis. La vino estas sur la tablo ; ĝi ne plu estas trinkebla. La glaso de la sinjorino staras ; ĝi estas plena je akvo ; sed ŝi ne estas trinkema.
Karlo kaptis fiŝon. La fiŝo estas kapt*inda*, ĉar ĝi estas granda. Johanino legas libron ; ĝi estas leg*inda*, ĉar ĝi estas interesa. Esperanto estas lerninda lingvo. Tirolaj pejzaĝoj estas admirindaj. Malbonaj infanoj ne indas esti amataj ; ili ne estas amindaj.

*Ĉu la vetero estas beta ?*
*Kion faras Johanino ?*
*Kia ŝi estas ?*
*Kio estas fermota ?*
*Kion ŝi fermas ?*
*Kia estas la knabino ?*
*Kio estas fermata ?*
*Kiat ŝi fermas la fenestron ?*
*Kion fermis Johanino ?*
*Kia ŝi estas ?*
*Kio estas fermita ?*
*Ĉu pluvo ankoraŭ fatas en ta ĉambron ?*
*Kiu estas sidanta ?*
*Kiu legas sidante ?*
*Kio estas malfermila ?*
*Kio estas fermita ?*
*Kion Johanino ĵus malfermis?*
*Kion ŝi fermis ?*
*Kiel ŝi ternas ?*
*Kial ŝi ne promenas ekstere ?*

---

*Kiuj estas manĝemaj ?*
*Kiu estas trinkema ?*
*Kies glaso estas rompita ?*
*Kies pomo estas ne manĝebla?*
*Kia estas lia tranĉilo ?*
*Kia estas ŝia pomo ?*
*Ĉu ta gesinjoroj estas sidantaj ?*
*Kiom da tranĉiloj estas fermeblaj ?*
*Ĉu glaso estas vitraĵo ?*
*Kio estas facile rompebla ?*
*Ĉu la glaso falis ?*
*Kie estas la vino ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Kies glaso staras ?*
*Kiu ne estas trinkema ?*
*Kiom da glasoj estas rompitaj ?*
*Ĉu granda fiŝo estas kaptinda ?*
*Ĉu interesa libro estas leginda ?*
*Kiuj pejzaĝoj estas admirindaj ?*
*Kiuj infanoj indas esti amataj ?*
*Ĉu malbonuloj estas amindaj?*
*Kia estas la lingvo Esperanto?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Mez-Afriko.* — Post vojaĝo super la maro, ili estas en varmega Mez-Afriko. Nigrulo frapadas sur tamburon ; aliaj estas dancantaj. Ankaŭ kelkaj serpentoj dancas pro la muziko de sidanta nigrulo. Niaj amikoj estas akompanataj de Zambo, la korespondanto de Karlo, kiu montras la vidindan spektaklon.

*En Nord-Afriko.* -- Plej afable la maroka amiko pruntedonis sian kamelon. Johanino sidante sur la kamelo parolas kun Karlo. La besto estas malsata ; ĝi delonge ne manĝis. Karesante la kamelon, Karlo donas manĝaĵon. Ĉio estos rapide manĝata, ĉar la poto estas malgranda. Malproksime, alia kamelo estas videbla.

---

*Kiu estas sidanta ?*
*Kio estas frapata ?*
*Kiuj estas akompanataj ?*
*Ĉu la serpentoj estas dancantaj ?*
*Kia estas la spektaklo ?*

*Kiu estas manĝonta ?*
*Kio estas manĝota ?*
*Kion faras Karlo ?*
*Kiuj estas alvenintaj el Ameriko ?*
*Kio estas videbla malproksime ?*

---

*Kiom da personoj staras ?*
*Kie estas la geknaboj ?*
*Kiom da serpentoj dancas ?*
*Kial la serpentoj dancas ?*
*Kiu akompanas la geknabojn ?*

*Kion pruntedonis la maroka amiko ?*
*Kiel li pruntedonis ?*
*Kun kiu parolas Johanino ?*
*Kial ĉio estas rapide manĝata ?*
*Kiu estas afabla ?*

---

*Kion montras Zambo ?*
*Kion frapas la nigrulo ?*
*Kia estas Mez-Afriko ?*
*Kiu estas frapanta ?*
*Ĉu la geknaboj estas rigardantaj ?*

*Ĉu Karlo donas manĝaĵon ?*
*Kia estas la poto ?*
*Kie estas alia kamelo ?*
*Kiom da kameloj vi vidas ?*
*Kiuj homoj estas videblaj ?*




# *ESPERANTO*

## DEK OKA LECIONO

*Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,*
*Pri l'tempoj estontaj pensante.*
*Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,*
*Ni semas kaj semas konstante.*

### Konsiloj al kursgvidantoj

*Vi povos facile utiligi la sufikson « ado, adi » per praktikaj ekzercoj : Per frapo ĉe la pordo kaj frapado, kun la demandoj « Ĉu estas frapo aŭ frapado ? Ĉu li (aŭ ŝi) frapis aŭ frapadis ? ». Montru per trafaj ekzemploj la diferencon inter « mem » kaj « eĉ ». Atentu l ofte la komencantoj emas utiligi « ke » anstataŭ « ki-vortetojn » (la homo, kiun mi vidis).*

*Per plia ekzercado pri participoj, en tiu leciono, ni utiligos « —ant, —int, —ont-finaĵojn » por adjektivoj kaj substantivoj. Ofte la komencantoj emas utiligi participojn anstataŭ simplajn « —as, —is, —os-formojn ». Atentigu ilin pri tio. Tial aldonu kelkajn ekzercojn : Ĉu Karlo tuj hakos ? Ĉu Karlo hakas ? ...jus hakis ? Ĉu la arbo tuj falos ? ...falas ? ...jus falis ?*

*Ankaŭ aldonu pliajn demandojn post legado de « Aventuroj ».*

---

## METIOJ KAJ LABORISTOJ



ŝuisto



leter-portisto



mekanikisto



fosisto



buĉisto



ĝardenisto



spicisto



ĉarpentisto




**frap*ado* sonor*ado* lern*ado***

Oni frap*adas* sur la najlon. La vekhorloĝo sonor*adas*. Karlo longe lern*adas*. Per unu frapo oni ne povas facile enigi najlon, sed per frapado oni sukcesas. Per unu sonoro oni ne ĉiam vekiĝas, sed sonor*ado* bone efikas. Lerni estas necese kaj nur post lernado oni scias bone. Longe marŝi estas marŝadi ; longe dormi estas dormadi. Longa laboro estas laborado ; longa promeno estas promenado. Longe paroli estas paroladi.

*Ĉu oni frapadas sur la najlon ?*
*Kio sonoradas ?*
*Kiu lernadas ?*
*Kiel Karlo lernadas ?*
*Per kio oni frapadas ?*
*Je kioma horo la vekhorloĝo sonoradas ?*
*Ĉu unu frapo sufiĉas por enigi najlon ?*
*Ĉu longe frapi estas frapadi ?*
*Ĉu unu sonoro sufiĉas por ke oni vekiĝu ?*
*Ĉu sonorado pli bone efikas?*
*Kio sonoradas ĉiumatene ?*
*Kio estas necesa por scii ?*
*Ĉu vi ŝatas promenadi ?*
*Ĉu longe manĝi estas manĝadi ?*
*Ĉu longe skribi estas skribadi ?*
*Ĉu longe ripozi estas ripozadi ?*

---



**dik*igi* varm*igi* blank*igi***

Karlo dik*igas* la balonon. Johanino varm*igas* la lakton. La ŝmiristo blank*igas* la plafonon. Karlo enblovas aeron por dikigi la balonon. Johanino atentas, ke la lakto ne elfluu. La ŝmiristo volas, ke la ĉambro estu pli bela ; tial li blankigas la plafonon.

*Kiu dikigas la balonon ?*
*Kiu varmigas la lakton ?*
*Kiu blankigas la plafonon ?*
*Kion faras Karlo ?*
*Pri kio Johanino atentas ?*
*Kion volas la ŝmiristo ?*
*Kial Karlo enblovas aeron ?*
*Ĉu la lakto elfluus, se Johanino ne atentus ?*
*Kial la ŝmiristo blankigas la plafonon ?*
*Ĉu Karlo estas enblovanta ?*
*Ĉu Johanino estas atentanta ?*
*Ĉu la ŝmiristo estas ŝmiranta ?*

---



**dik*iĝi* varm*iĝi* nigr*iĝi***

La balono dikiĝas per la gaso. Atentu, *ke* ĝi ne tro dik*iĝu*. La lakto tro varmiĝis ; ĝi eĉ elfluas. La plafono nigriĝas pro la fumado. Kiam Johanino varmigas la lakton, ĝi ne *ofte* elfluas. La balono eksplodus, se ĝi tro dikiĝus.

*Kio dikiĝas ?*
*Kio tro varmiĝis ?*
*Kial la plafono nigriĝis ?*
*Ĉu la balono dikiĝas ?*
*Ĉu Karlo atentas pri la dikiĝo ?*
*Ĉu la lakto tro varmiĝis ?*
*Ĉu Johanino atentas pri la varmiĝo ?*
*Ĉu la balono eksplodus, se ĝi tro dikiĝus ?*
*Ĉu la lakto elfluis pro tro longa varmiĝo ?*
*Kiel dikiĝas la balono ?*
*Ĉu la plafono blankiĝis ?*
*Kion fari por ke la plafono ne nigriĝu ?*



li hakos li hakas li hakis

—onta —anta —inta

Karlo estas hakonta ; li hakos forte kaj kuraĝe. Li tenas la hakilon kaj staras apud la hakota arbo. Karlo ne estas hakisto, li estas nur hakonto. Starante, Karlo pensas : « Ĉu mi povos ? »

Karlo estas hakanta, li levas la hakilon, iom post iom li hakas. Multaj splitoj saltas kaj falas sur la teron. *Baldaŭ* ankaŭ la arbo falos. Hakante, Karlo ŝvitas, sed li esperas sukcesi.

Karlo estas hakinta. La arbo ĵus falis ; ĝi kuŝas. Karlo rigardas la hakitan arbon ; li estas fiera. La arbo estas transportota kaj segota. Rigardante la arbon, Karlo ĝojas, ĉar li sukcesis.



ĝi falos ĝi falas ĝi falis

—onta —anta —inta

La arbo falos, ĉar Karlo ĵus komencis ĝin haki ; ĝi estas falonta. Baldaŭ la arbo falos sur la teron. Poste, Karlo forhakos ankaŭ ĉiujn branĉojn.

La arbo falas ; ĝi estas falanta. La arbo falas sur la teron. La radikoj restas en la tero. Aliaj arboj ankoraŭ staras ; ili estas starantaj.

La arbo falis ; ĝi kuŝas sur la tero ; ĝi estas falinta. Tuj la knabo forhakos la branĉojn. Vintre, kiam la ligno estos seka, Karlo povos hejti la domon.

*Ĉu Karlo hakos ?*
*Ĉu li estas laboronta ?*
*Kion li tenas ?*
*Ĉu li estas staranta ?*
*Ĉu Karlo estas hakisto ?*
*Kion li pensas ?*
*Ĉu la arbo estas falonta ?*
*Ĉu ĝi estas ankaŭ hakota ?*

*Ĉu Karlo laboras ?*
*Ĉu li estas hakanta ?*
*Kion li levas ?*
*Kio saltas kaj falas ?*
*Kiam la arbo falos ?*
*Kion esperas Karlo ?*
*Kien falas la splitoj ?*
*Ĉu la arbo estas hakata ?*

*Ĉu Karlo hakis ?*
*Ĉu li finis la hakadon ?*
*Kio ĵus falis kaj kuŝas ?*
*Kion rigardas Karlo ?*
*Kia estas la arbo ?*
*Kial la knabo ĝojas ?*
*Ĉu li tenas ankoraŭ la hakilon ?*
*Ĉu li ŝvitis dum la hakado ?*

---

*Kial la arbo falos ?*
*Kia estas la arbo ?*
*Kiam ĝi falos ?*
*Kien ĝi falos ?*
*Kiu hakas ĝin ?*
*Kion Karlo tuj forhakos ?*
*Ĉu la arbo falas post la hakado ?*
*Kia ĝi estas ?*
*Kien ĝi falas ?*
*Kio restos en la tero ?*

*Ĉu Karlo hakis ĉiujn arbojn ?*
*Ĉu la arbo kuŝas post la falo ?*
*Kie ĝi kuŝas ?*
*Kia ĝi estas ?*

*Kiam la ligno estos seka ?*
*Kion Karlo hejtos per la ligno ?*
*Kiu faligis la arbon ?*
*Ĉu ankaŭ la folioj sekiĝos ?*
*Kiu estas la hakinto ?*
*Kio estas hakita ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Egiptio.* — La geknaboj vidis la piramidojn, postsignon de grava antikva civilizacio, kies konstruado postulis penigan laboron. Egipta esperantisto montras al ili plurajn antikvajojn. Bela sarkofago kuŝas antaŭ ili. Ĉio estas vidinda. Sur ĉiuj monumentoj estas hieroglifoj ; la geknaboj ne kapablas legi kaj kompreni ; eĉ la egipta amiko ne scias traduki ; nur scienculoj scias. Ankaŭ sur granda obelisko estas multaj signoj.

*En Italio.* — Ili ĵus vizitis la vidindajn ruinojn de Pompejo kun multaj malnovaj ŝtonoj. Ili estas sidantaj sur azenoj ; tiel ili ne laciĝos dum la grimpado ĝis la vulkano. Ili ne havas gvidanton ; ili mem trovos la vojon al Vezuvo, kiu estas videbla ĉe la horizonto. Karlo deziras, ke la azeno pli rapidu, tial li batetas ĝin. La vulkano Vezuvo ĉiam fumadas.
Ili memoras : « En Sud-Ameriko ni ankaŭ rajdis, sed per ĉevaloj ».

---

*Kia estis la konstruado de piramidoj ?*
*Kio estas vidinda ?*
*Ĉu Karlo povas mem kompreni ?*
*Kiu scias traduki, por ke ili komprenu ?*

*Kiajn ruinojn ili ĵus vizitis ?*
*Kiel ili grimpados ĝis Vezuvo ?*
*Kiel Karlo rapidigas la azenon ?*
*Kiam fumadas la vulkano ?*

---

*Kio estas la piramidoj ?*
*Kion montras la egipta esperantisto?*
*Kio kuŝas antaŭ la geknaboj ?*
*Kia estas ĉio ?*

*Pri kio la geknaboj memoras ?*
*Kiu gvidas ilin ?*
*Ĉu ili mem trovos la vojon ?*
*Kien ili iras ?*

---

*Ĉu antikva civilizacio estis grava ?*
*Ĉu la geknaboj kapablas legi ?*
*Ĉu ankaŭ obelisko estas el ŝtono ?*
*Kiom da piramidoj estas videblaj ?*

*Ĉu Vezuvo estas videbla ?*
*Kiom da malnovaj ŝtonoj estas videblaj ?*
*Kion deziras Karlo ?*
*Kial Karlo batetas la azenon ?*




# *ESPERANTO*

## DEK NAŬA LECIONO

*Ni inter popoloj la murojn detruos,*
*Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos*
*Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero*
*Ekregos sur tero.*

## Konsiloj al kursgvidantoj

*Post lernado de la vortoj, redonu klarigojn pri kunmetitaj vortoj ; insiste montru, kian gravan rolon ili ludas en Esperanto. Elektu kelkajn trafajn ekzemplojn por atentigi ĉiujn pri ilia formado : okulvitro, vitrokulo.*

*Atentigu la gelernantojn pri utiligado de la sufiksoj « —ig » kaj « —iĝ ». Novuloj ĝenerale tendencas utiligi « —iĝ » kun ĉiuj verboj. Donu ekzemplojn de verboj kun kiuj tiu sufikso ne devas esti uzata : marŝi, promeni, iri, fumi.*

*Demandu, ĉu respondoj al la unua poŝtkarto jam alvenis ; helpu la korespondemulojn. Ekde nun, starigu programon por la postkursaj kunsidoj, se vi estas izolita. Se estas vigla Esperanto-grupo en via loĝloko, direktu la novulojn al ĝi. Preparu la gravan paŝon de lernado al aplikado de nia lingvo. Post la kurso la gelernintoj devas regule kunsidi por praktiki.*

---

## VOJAĜO EN LA MONDO



Promenante sur la herbejo, Johanino subite *ek*vidis multajn florojn. Ŝi tuj surgenuiĝis kaj komencis deŝiri ilin. Ŝi kolektos multajn florojn kaj havos belan bukedon. Lekantoj estas blankaj kaj flavaj floroj. Ili estas simplaj, sed *tamen* beletaj.

Johanino elpumpas akvon. Birdeto staranta sur proksima arbeto ĵus *ek*kantis. Ŝi rigardas ĝin kaj ne atentas pri la pumpado. Jam la sitelo pleniĝis kaj la akvo disfluas sur la tero. Jam la sitelo estas plena, tamen la knabino daŭre elpumpas.

*Kiam kaj kie ŝi ekvidis florojn ?*
*Kiom da floroj ŝi ekvidis ?*
*Kion tuj faris Johanino ?*
*Kion ŝi deŝiris ?*
*Kion ŝi tenas per la maldekstra mano ?*
*Kian bukedon ŝi havos ?*
*Kiujn florojn ŝi deŝiras ?*
*Ĉu lekantoj estas ruĝaj floroj ?*
*Kiaj estas lekantoj ?*
*Kiom da lekantoj ŝi kolektis ?*

*Kion elpumpas Johanino ?*
*Kiu estas staranta sur arbeto?*
*Kiu ĵus ekkantis ?*
*Kiun ŝi rigardas ?*
*Kial ŝi ne atentas ?*
*Pri kio ŝi ne atentas ?*
*Kio pleniĝis ?*
*Kio fluas el la sitelo ?*
*Ĉu akvo disfluas sur la tero ?*
*Kial ŝi tamen elpumpas ?*
*Kiom da birdetoj staras sur branĉeto ?*
*Ĉu la pumpilo estas moderna?*
*Ĉu la malnova pumpilo tamen funkcias bone ?*

---



Karlo ekkuras, li konkursas pri centmetra kurado kun alia knabo. Ambaŭ knaboj estas sportemuloj. Ĉiusemajne ili ĉeestas la ekzercadon por kuri, salti kaj grimpi. Karlo estas tre lerta, sed la alia knabo ankaŭ.
Karlo eksaltas en la akvon. Alia knabo jam atingis la akvon. Naĝado estas tre ŝatata de nia amiko ; li ne timas subakviĝi kaj li naĝas kiel fiŝo. La akvo ne estas varmigita ; ĝi estas malvarmeta ; tamen la knaboj banas sin.

*Kiom da knaboj ekkuras ?*
*Kial ili ekkuras ?*
*Kun kiu konkursas Karlo ?*
*Kiuj knaboj estas sportemaj?*

*Kiam ili ĉeestas ekzercadon ?*
*Por kio ili ekzercadas ?*
*Kia estas Karlo ?*
*Kia estas la alia knabo ?*

*Kiu eksaltas en la akvon ?*
*Kiu jam atingis la akvon ?*
*Kio estas ŝatata de Karlo ?*
*Ĉu li timas subakviĝi ?*

*Ĉu li naĝas kiel fiŝo ?*
*Kia estas la akvo ?*
*Kiuj tamen banas sin ?*
*Kiu estas eksaltanta ?*

*Ĉu vi scipovas naĝi ?*
*Ĉu vi scipovas ankaŭ salti en akvon ?*
*Ĉu vi preferas naĝi aŭ kuri ?*
*Ĉu vi estas sportema ?*



Matene, la avo semis tritikon ; li *dis*ĵetis la grenerojn en la teron. La tritiko kreskos venontan someron ; kiam ĝi estos matura kaj flava, la avo rikoltos ĝin. El la tritiko, la muelisto faros belan farunon ; poste, la bakisto bakos bonan panon.
Vespere, Johanino ludas per kartoj kun la geavoj. La knabino *dis*donas la ludkartojn ; ĉiuj ricevas *po* du kartoj. Ŝi tenas la ludkartaron per la dekstra mano kaj disdonas per la maldekstra. La avino serioze atentas pri la disdonado. Ridetante la avo ricevas du kartojn.

*Kiam la avo semis ?*
*Kion li semis ?*
*Kien li disĵetis la grenerojn ?*
*Kio kreskos venontan someron ?*
*Kia estos la tritiko ?*
*Kion rikoltos la avo ?*
*Kiu muelos la tritikon ?*
*Kian panon bakos la bakisto ?*
*Ĉu la avo disĵetis multajn grenerojn ?*
*Per kia mano li semis ?*
*Kiuj ludas vespere ?*
*Kiel ili ludas ?*
*Kiu disdonas la ludkartojn ?*
*Kiom da ludkartoj ĉiuj ricevas ?*
*Kion tenas Johanino ?*
*Kiel ŝi disdonas ?*
*Kiel atentas la avino ?*
*Kial ŝi atentas ?*
*Kiu ricevas ludkartojn ?*
*Kie ili sidas ?*

---




La manĝema sinjoro trovis restoracion ; li legis la menuon pendantan sur la pordo. Nun, li puŝas la pordon kaj *eniras*. Longtempe li restas interne sidante kaj manĝante. La manĝaĵo estas bongusta. La manĝemulo volas manĝi el ĉiuj pladoj ; li manĝegas viandon, legomojn, salaton kaj deserton ; samtempe li gust*umas* diversajn trinkaĵojn. Post la manĝado kaj pago de alta sumo, la manĝinto malfacile *eliras* el la restoracio. Li tro manĝis, li estas pezega kaj multe dikiĝis. Liaj mantelo kaj pantalono estas nun tro mallarĝaj. Per bastono li sin helpas por marŝi. La manĝemulo multe tro manĝis kaj pro tio li malbeliĝis.

*Kiu eniras en restoracion ?*
*Kia estas la sinjoro ?*
*Kion li legis ?*
*Kie pendis la menuo ?*
*Kion malfermas la sinjoro ?*
*Kie li restas longtempe ?*
*Kial li restas tiom longe ?*
*Ĉu la sinjoro manĝas starante ?*
*Kia estas la manĝaĵo ?*
*Kion volas manĝi la sinjoro ?*
*Kiu manĝegis ?*
*Kion li manĝis ?*
*Ĉu li ankaŭ trinkis ?*
*Ĉu la sinjoro malsalis ?*
*Ĉu vi vidas la restoraciestron ?*

*Kiom pagis la sinjoro ?*
*Kiam li eliras ?*
*Kiel li eliras ?*
*Kial li estas pezega ?*
*Kio estas nun tro mallarĝa ?*
*Ĉu li lamen povas marŝi ?*
*Kiu multe tro manĝis ?*
*Kial li malbeliĝis ?*
*Kies mantelo estas tro mallarĝa ?*

# AVENTUROJ DE JOHANINO KAJ KARLO

(daŭrigo)



*En Madrido.* — Niaj geamikoj atingis Hispanion. Karmeno, la korespondantino de Johanino, gvidas ilin tra la urbo. Ili ekvidis taŭro-ludon en grandaj arenoj, sed la geknaboj ne ŝatas tiun spektaklon. Prefere ili rigardas nun al geartistoj, kiuj ekdancas akompanante sin per kastanjetoj kaj gitaro. La knabinoj tenas ventumilojn, ĉar estas varme en tiu ĉi loko. Karlo ekmanĝas oranĝon.

*En Londono.* — Ili konatiĝis kun angla esperantisto, ĉiuj sidas en trinkejo ĉe Tamizo. Karlo ĵus disrompis kuketon, kiun li donas al la hundo. La angla amiko montras la monumentaron kaj la faman ponton super la riverego. Skotoj iras sur la ŝoseo ; unu muzikas per stranga muzikilo. La geknaboj restos unu semajnon ĉe sia angla amiko. Poste, Johanino kaj Karlo vojaĝos al Parizo.

---

*Kiu akompanas ilin ?*
*Kion ili ekvidis ?*
*Kion ili preferas rigardi ?*
*Ĉu vi ŝatas taŭro-ludon ?*

---

*Kie ili estas ?*
*Kie ili vidis taŭro-ludon ?*
*Kion ili ne ŝatas ?*
*Kiuj ekdancas ?*

---

*Kiel la artistoj akompanas sin ?*
*Kion tenas la knabinoj ?*
*Kiel estas en ĉi tiu loko ?*
*Kial Karlo manĝas oranĝon ?*

*Kie ili sidas nun ?*
*Kion ĵus disrompis Karlo ?*
*Kial li disrompis kuketon ?*
*Kiom da skotoj iras sur la ŝoseo ?*

---

*Kun kiu ili konatiĝis en Londono ?*
*Ĉu ĉiuj estas sidantaj ?*
*Kion montras la angla amiko ?*
*Kia estas la muzikilo de la skoto ?*

---

*Kiom longe ili restos en Londono ?*
*Kiom da personoj sidas ?*
*Ĉu ili sidas ekstere ?*
*Kien vojaĝos la geknaboj ?*

